# ESPERANTISTO SLOVAKA

**N-ro 4/2004**

Socikultura kaj informa gazeto de skef

ISSN 1335-5031

Fondita en 1946 de Ernesto VÁŇA


## SE VI NE POVAS ESTI STELO EN LA ĈIELO, ESTU KANDELO SUR LA TERO

Kiam mi estis infano, miaj gepatroj jam revis pri brila estonteco por siaj gefiloj. Ili laŭdis niajn kapablojn kaj verve parolis al familianoj, amikoj kaj najbaroj pri niaj eblecoj por brila estonteco. Precipe miaj geavoj, sed ankaŭ aliaj vizitantoj de nia hejmo, pentris bildon pri la stelulo, kiu mi fariĝos. Ne estas mirige, ke mi, kiel junulo, revis kaj ege supertaksis miajn kapablojn. Intertempe mi fariĝis 58-jaraĝa kaj anstataŭ revi pri la estonteco mi ofte pensas pri la revoj, kiujn mi ne realigis. Sed eĉ nun mi rimarkas, ke mi ofte mistaksas la realecon de miaj ideoj kaj ankoraŭ kovas ambiciajn planojn, kiujn mi tamen ne realigas.

Kiam mi ricevis de s-ro Hussain M. AL-AMILY liston de proverboj (*El Trezoro* - vortaro de arabaj kaj islamaj proverboj), min subite trafis tiu ĉi bela frazo. Por mi ĝi estas trafa invito al humileco. Kial ni strebu esti stelo en la ĉielo, kiam ni vivas sur la tero? Subite mi komprenis, ke mia vivo fariĝos multe pli senchava, se mi flegas la ordinarajn ĉiutagajn rilatojn en mia ĉirkaŭaĵo. Mi aŭskultu miajn parencojn kaj najbarojn, mi atentu pri la signaloj de la homoj, kiuj ĉirkaŭas min, mi transdonu mian bonhumoron en mia vivcirklo, mi helpu iel, se tio necesas en cirkonstancoj, kiujn mi povas prijuĝi kaj kompreni. Tiel mi estu la kandelo sur la tero.




Ĉu havas multe da senco daŭre kritiki niajn estrojn, niajn instancojn, situaciojn, kiuj estas for de nia hejmo, kiam ni mem vivas en malpaco kun nia propra ĉirkaŭantaro? Kara homfrato, ĉu ankaŭ vi komprenas la supran proverbon kiel inviton unuavice enordigi la 'malgravajn', ĉiutagajn problemetojn anstataŭ ludi la fikcian rolon de solvanto de la mondaj problemoj?

**Movado sen Nomo**

Levilkarto n-ro 6, novembro - decembro 1997

PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

## Enhavo



### Abonpago

En la jaro 2005 la jarkolekto (kvar numeroj) de ESPERANTISTO SLOVAKA por slovakoj kostos 150 Sk, por eksterlandanoj pro pli altaj sendokostoj 200 Sk. Tamen se iu emas per pli alta monsumo subteni la eldonadon, la redakcio tion akceptos kun dankemo.

Vi povas pagi per la poŝtpagilo kun la mencio „ES 2005" al la adreso de la teknika redaktorino (M. FEIFIČOVÁ, A. Bernoláka 25/5, 010 01 ŽILINA). Laŭeble bonvolu sendi la informon pri la pago al ŝia poŝta adreso aŭ al ŝia retadreso <esperanto.fejfi@vud.sk>.

*Rekomendite estas sendadi komunan kelkpersonan pagon nome de tuta E-klubo - tiukaze bonvolu nepre sendi al la teknika redaktorino liston kun la nomoj kaj adresoj de la abonantoj.*

GRAVE: La unuan venontjaran numeron de ESPERANTISTO SLOVAKA ni sendas al ĉiuj, kiuj abonis ĝin por la jaro 2004. La postajn numerojn ni sendos nur al tiuj, kiuj pagis la abonon por la jaro 2005. Tiuj, kiuj pagos pli poste, ricevos nur la numerojn poste eldonitajn.

La redakcio kore dankas al vi.

Pluaj abonantoj de ESPERANTISTO SLOVAKA por la jaro 2004:

*Miroslav HAVRÁNEK, Bratislava.*

La unuaj abonantoj de ESPERANTISTO SLOVAKA por la jaro 2005:

*Jindřiška DRAHOTOVÁ, Mladá Boleslav, CZ; Jaroslav LIŠKA, Prostějov, CZ; Helena MAUDROVÁ, Praha, CZ; Stanislav PECH, Blovice, CZ; Bohuslava PELCLOVÁ, Šternberk, CZ; Václav STIBŮREK, Benešov, CZ; Elena TERJUNG, Duisburg, DE; Jindřich TOMÍŠEK, Říkovice, CZ; László István TÓTH, Pécs, HU; Josef VOJÁČEK, Vyškov, CZ; Milena PICKOVÁ, Brno, CZ; Inge BARTLING, Warstein, DE; Václav KAPRÁL, Kaznějov, CZ; Jiří PATERA, Praha, CZ; Miroslav SMYČKA, České Budějovice, CZ; Miroslav VALÁŠEK, Kysucké Nové Mesto; Blanka ZUBOVÁ, Lysá N/Labem, CZ.*

*Por la kontribuaĵoj de tiu ĉi numero ni dankas al:*

*Peter BALÁŽ, Ivo DURWAEL, Magdaléna FEIFIČOVÁ, Dušan KOSTOLNÝ, Pavol PETRÍK, Jarmila RECHTORISOVÁ, Jindřich TOMÍŠEK, Katarína STEELE, Rastislav ŠARIŠSKÝ, Vladimír ŠKUTA, Ján VAJS; aliaj informoj estas transprenitaj el la Interreto.*

Fino de la redakta laboro: 13-12-2004

Eldonkvanto de la numero: 110 ekzempleroj

Redakta konsilantaro:
Ľubomír FAJTH *(ĉefredaktoro)*
Katarína STEELE
Rastislav ŠARIŠSKÝ
Magdaléna FEIFIČOVÁ *(teknika redaktorino)*
Magda ŠATUROVÁ *(lingva redaktorino)*

Adreso de la redakcio:
Ľubomír FAJTH
018 01 UDIČA - Prosné č. 161
tel.: 0907/486 866
*retpoŝto:* <esperantisto.slovaka@esperanto.sk>

La kontribuaĵojn por la n-ro 1/2005 ni atendas ĝis la 31-a de januaro 2005



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

## MOVADO SEN NOMO

Kio estas Movado sen Nomo: MsN serĉas la solvon de homaj problemoj en la kultivado de la plej neglektata kaj la plej neevoluinta parto de la homo: la homa koro! Ĝi volas estigi solidarecon inter ĉiuj homoj, grandaj aŭ malgrandaj, riĉaj aŭ malriĉaj, de kiu ajn raso, deveno aŭ religio; forigi la izolitecon de homoj, redoni al ili la eble perditan kuraĝon, helpi al ili denove ekkredi je la vivo, la propraj eblecoj, la amo, la homo; pledi por pli da amo, paco, toleremo, justeco kaj respekto por ĉio vivanta kaj defendi ĝin.

MsN kredas, ke en ĉiu homo troviĝas bonecoj. Tiujn bonecojn ni malkovru! Ni ekserĉu la koron sub la vestoj de ĉiu homo. Tiun koron ni volas 'tuŝi' (vivigi) kaj, kune kun tiu homo, ni serĉos novajn eblecojn, vivoĝojon, vivstilon!

Kiel agadas MsN: *Per dissendado de 'levilkartoj':* ĉiun trian monaton aperas slogano kune kun mallonga, konciza klarigo, kiun oni pendigu en bone videbla loko, kiujn ni dissendas al ĉiuj personoj, kiuj anoncas sian deziron por ricevadi ilin. Ili alportas homecan mesaĝon, kiu alvokas al nova vivstilo. Ili inspiru homojn por kunlabori por alia pli bona mondo unuavice per la flego de la propra koro. Unu aŭ du fojojn en la jaro ni aldonas *Novaĵleteron*, kiu enhavas ricevitajn reagojn. Por ŝpari afrankon, ni intencas estonte dissendi ĝin rete. *Per eldono de libroj de Phil Bosmans: Ŝanco por Feliĉo* estas senpage akirebla je simpla peto (kontribuo por la sendokostoj bonvenas). *Donace al vi* estas havebla por 7 eŭroj en la libroservo de Flandra Esperanto-Ligo (Frankrijklei 140, BE-2000 Antwerpen - rigardu ankaŭ en la retpaĝoj de FEL: <http://www.esperanto.be>). La libroj enhavas vitaminojn por la koro, liveras ideojn, sugestas kaj inspiras pri la kulturo de la koro. *Per helpo de homoj en mizero:* ĉar MsN interesiĝas pri la tuta homo, ĝi ne nur volas helpi per inspiraj pensoj, sed ankaŭ foje zorgi pri la materiaj bezonoj. Ĉar la eblecoj estas minimumaj, tia helpo estas foje nur simbola, por montri solidarecon al homo en mizera situacio.

Kiel aliĝi: sufiĉas sendi nomon kaj adreson (+ retadreson!) kaj vi ricevados senpage la levilkartojn ĉiun trian monaton. Ni ne petas kotizon, ĉar ni volas ekskludi neniun. La plimulto de la ricevintoj troviĝas en landoj, de kie ne eblas sendi kontribuon. MsN fakte vivas nur dank' al spontaneaj donacoj. Ni petas tiujn, kiuj povas, por partopreni en la kostoj laŭ siaj eblecoj kaj bontrovo.

Pageblecoj: UEA-konto 'mosn-q' * sendi monbileton en koverto * FEL-konto 'mosn-q' * bankkonto en Belgio: IBAN BE75 979-6087766-51 ; BIC ARSPBE22.

Kontaktoj: Movado sen Nomo, Frankrijklei 140, BE-2000 ANTWERPEN * * <ivo@fel.esperanto.be> * <www.esperanto.be/~esperan/msn/msnpagho.htm> * * tel. : +32/3-234-34-00 aŭ +32/3-440-30-92.

**Ivo DURWAEL**

H I H I H

*Kara s-ino Feifičová, ni ĉiuokaze ege dankas vin pro la aldono de nia informmaterialo al via revuo.*

*En nia nuntempa listo de slovakaj ricevantoj de niaj sloganoj aperas - krom vi - nur Květuše KUVIKOVÁ, Ladislav RÝŠA, Teodor ANDREAS, Mária TOMAŠOVIČOVÁ. En la retadresaroj mi ankoraŭ trovis jenajn adresojn: <httpuser@server2.alinet.sk>, <petrikp@po.psg.sk>, <valapka@stonline.sk>.*

*Via propono por aligi eminentajn esperantistojn el Slovakio estas bonvena. Ni volonte sendas al ili niajn sloganojn, sed ili mem signalu al ni, ke ili deziras tion. Tiun minimumon ni deziras por eviti vanajn afrankokostojn. Ĉefaĵo por nia movado ne estas varbi membrojn, sed disvastigi inspriranjn humanajn ideojn!* *Plej amike kaj dankeme.* ***Via Ivo DURWAEL***



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

## SALZKAMMERGUT

Post fino de la lasta etapo de la projekto ***Laŭlonge ĉe Danubo*** vizitis la partoprenantoj tre interesan parton de Aŭstrio - SALZKAMMERGUT. Revenante el la urbo PASSAU ili vizitis la urbon SALZBURG kun burgo kaj ĝia historia parto. Ĉe la kaso enirante la burgon ni, kiel novaj eŭropanoj, provis ekscii, kiamaniere funkcias en Eŭropa unio egaleco sur lingva kampo:

*- Sinjoro kasisto, mi petas du biletojn! - mi komencis slovake.*

*- Kion vi diras? - germane demandis la kasisto.*

*- Parlez vous français? - mi provis per tiu frazo komenci komuniki.*

*La kasisto kun ŝtona vizaĝo respondis angle:*

*- Se vi deziras komuniki kun mi, vi devas paroli angle aŭ germane.*

*- Ni estas el Slovakio kaj ni estas novuloj en Eŭropa unio. Kiam ni eniris en Union, oni parolis, ke slovaka lingvo estos unu el oficialaj lingvoj - diris germane Johano, kiu aktive parolas per kelkaj lingvoj.*

*- Tio estas nur proklamita vero. Reala vivo en Unio estas alia. Se vi deziras vivi en Unio, vi devas krom via patrolingvo regi ankaŭ du aliajn lingvojn - kun rido instruis nin la kasisto.*

*- Bone. Ekzemple Vlado parolas krom slovaka lingvo ruse kaj esperante.*

*- Tio ne sufiĉas. Li ne parolas angle aŭ germane.*

*- Jes, mi komprenas, kiam vi parolis pri kono de du lingvoj, vi aŭtomate pensis pri angla kaj germana.*

*- Fine vi eksciis veron - kun malica rido jesis la kasisto.*

Per tiu epizodo ni eksciis, ke realeco estas alia ol la proklamitaj tezoj. Malgraŭ tio la salzburga burgo estis tre interesa, same kiel historia centro de tiu mondkonata urbo.

Sporta parto daŭrigis al SALZKAMMERGUT. Ĝi estas kalkŝtona montaro konata per salaj minejoj. Posttagmeze vendrede ni konstruis bazan tendaron ĉe la lago WOLFGANG SEE en domgrupo SCHWAN. De tie ni biciklis al la urbeto STROBL. Ĉe la vojo oni vidis multajn turismajn objektojn. Sur unu loko ni vidis ankaŭ bienon kun sudamerikaj lamoj. Malantaŭ la urbo STROBL ni ĉirkaŭiris monteton BÜRGSTEIN. Post la monteto ni eniris en la urbon ST. WOLFGANG, kiu kuŝas sur la bordo de samnoma lago. El la urbo kondukas historia fervojo sur montopinton SHAFBERG (1783). Ĝis la domgrupo FALKENSTEIN kondukis vojo sur ebenaĵo kaj poste ĝi krute ascendis. La vojo ŝanĝiĝis al arbara vojeto kaj sur kruta deklivo komencis problemoj. Dum supreniro (ni ne biciklis, sed paŝe kondukis biciklojn) ni ŝvitis kaj descendon en bicikla selo faris nur kvar biciklistoj - aliaj descendis paŝe. En montpasejo FALKENSTEIN estas konstruitaj du preĝejetoj kaj kelkajn metrojn sube estas malgranda preĝejo de S-ta Volfgango. Jam estis nokto, kiam ni tra la urbo





PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

ST. GILGEN revenis al nia tendaro.

Sabate la 8-an de majo ni biciklis tra la banloko BAD ISCHL, de kie devenis aŭstria imperiestrino Sisi, al urbeto de salo - HALLSTATT. Malgraŭ malbona vetero la urbeto kun lago estas pitoreskaj. Tri partoprenantoj vizitis salan minejon kaj aliaj trarigardis la urbeton. En tombejo estas kripto kun multaj kranioj, kiuj estas pentritaj per diverskoloraj ornamoj. Sur kranio estas skribita nomo de mortinto kaj datoj de la naskiĝo kaj morto. Al la tendaro ni revenis per la sama vojo.

Ekskurson en SALZKAMMERGUT ni finis dimanĉe la 9-an de majo 2004. Vetero estis terura. Pluvis kaj blovis vento. El la tendaro kondukis ciklovojo tra la urbo ST. GILGEN, apud la lagetoj KROTTENSEE kaj MONDSEE. Inter MONDSEE kaj ATTERSEE estis rekonstruita vojo kaj tuneloj. Unu laboristo faris al ni problemojn. Li malpermesis nian vojon. Poste li telefonis al iu ĉefo, kiu jesis kun daŭrigo de nia biciklado.

Nia printempa biciklado finiĝis ĉe la urbo SCHÖRFLING. La bicikladon partoprenis (en krampoj estas trabiciklitaj kilometroj) el EK ŽILINA J. MITAŠOVÁ (192) R. STAŇOVÁ (226), M. VALÁŠEK (226), M. VALÁŠKOVÁ (181), el LEK LIPTOVSKÝ MIKULÁŠ J. KRESÁK(192) R. VAJS (181), Z. VAJSOVÁ (181) kaj J. VAJS (218).

**Jano VAJS**

## VLADKO SUROVČEK EKSPOZICIIS

Tre interesa ekspozicio okazis en malgranda slovaka urbeto TOPOĽČIANKY. Ĉi tie estas mondkonata nacia virĉevalejo, kiu prizorgas kelkajn specialajn specojn de ĉevaloj. Aŭtune en la jaro 2003 ĉi tie estis organizita *Kreiva metiejo* kun ĉefa temo 'ĉevalo'. Dum la metiejo la direktoro de la virĉevalejo Michal HORNÝ proponis al unu el la partoprenantoj, ke li ekzpozicius en ĉevalmuzeo. Tiu alparolita samideano estis Vladko SUROVČEK el la urbo LIPTOVSKÝ HRÁDOK kaj objektoj por ekspozicio estis liaj **poŝtmarkoj kun temo 'ĉevalo'**. V. SUROVČEK diligente laboris kaj preparis kvar tabulojn kun poŝtmarkoj. Interesa estis, ke la akompana teksto sur la tabuloj krom slovaka lingvo estis ankaŭ en Esperanto. ***De la aŭgusto ĝis fino de la oktobro*** pendis kvar tabuloj en la unua halo sur fronta muro. Malgranda ekspozicio estis preparita grafike kaj enhave je alta nivelo kun granda estetika spaco. Laŭ la ĉefo de la muzeo František HRÚZIK (li reprezentis Ĉeĥoslovakion dum olimpikaj ludoj en la jaro 1960 en ROMO en kategorio - militari-) la ekspozicion vidis pli ol kvin mil vizitantoj. Inter ili estis multaj interesuloj pri nekonata lingvo, kiu estis uzita najbare de la slovaka. Per tiu ĉi ekspozicio kapablis V. SUROVČEK inteligente kaj tre interese propagandi nian karan lingvon.



**J.VAJS**



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

## EKKONU ALTAJN TATROJN

Enkadre de la projekto **Dek du monatoj/dek du montopintoj** atendis nin panorama turisma ekskurso en ALTAJ TATROJ. Ni decidiĝis por unu el la plej popularaj montopintoj, kiu estis longe konsiderata kiel la plej alta monto en la montaro Tatroj kaj ankaŭ en tutaj Karpatoj - por LOMNICKÝ ŠTÍT (*Lomnica montopinto*, 2 632 m super la maro). Kaj kial la plej populara? De la jaro 1940 ĝi estas alirebla per pendtelfero el TATRANSKÁ LOMNICA kun ŝanĝstacio ĉe SKALNATÉ PLESO (*Ŝtona montara lago*).

Nin ne logis oferto de suprenvojaĝo per teknika akiraĵo, sed supreniro kun altmontara gvidanto tra LOMNICA montpasejo (2 189 m super la maro) supren la montopinton, hodiaŭ jam „nur" la duan la plej altan montopinton.

La **20-an de aŭgusto 2004** ni renkontiĝis en la kabano *ZAMKOVSKÝ*, kiu estas situata en MALÁ STUDENÁ DOLINA (*Malgranda Malvarma valo)* 1 475 m super la maro kaj ĝi estas tre bona elirejo al la menciita turisma ekskurso. Ĝis la vespero alvenis naŭ partoprenontoj. Dum la komuna vespermanĝo ĉiu parolis pri la vetero. Antaŭdiroj parolis pri malbona vetero. Nokte estis densa nebulo, ne pluvis, sed humideco estis alta.



Sabate ni vekiĝis en 'akceptita' vetero. Ni pakis la plej necesajn aĵojn kaj antaŭ la sesa horo oni foriris al SKALNATÉ PLESO (1 764 m super la maro). Post unuhora paŝado la vetero malboniĝis kaj ekpluvegis. Post konsulto kun altmontara gvidanto la supreniron ni prokrastis je dimanĉo. Reiran vojon oni faris en pluvmanteloj kun malfeliĉaj vizaĝoj. Posttagmeze la vetero malmulte pliboniĝis kaj ni vizitis altmontaran kabanon *TÉRY* kaj KVIN LAGOJN de SPIŠ (2 000 - 2 022 m super la maro).

Dimanĉe la 22-an de aŭgusto esperantistoj kaj amikoj de Esperanto el LIPTOV-regiono (V. ŠKUTA, V. SUROVČEK, P. kaj E. PROCHÁZKA, B. kaj J. VAJS) kaj el la urbo BANSKÁ BYTRICA (M. ĎURANOVÁ, D. HRAŠKOVÁ kaj A. BANÁSOVÁ) pro malbona vetero decidiĝis reveni hejmen. Ankaŭ la dua provo supreniri al LOMNICKÝ ŠTÍT ne estis sukcesa. Kaj kiel estas kutimo, lunde estis en ALTAJ TATROJ tre bela vetero. Do ankaŭ tiamaniere ni ekkonis ALTAJN TATROJN.

**Vladimír ŠKUTA**



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

## 12/12 EN MALGRANDAJ KARPATOJ

En MALGRANDAJ KARPATOJ la projekto 12/12 okazis la duan fojon dum la **11-a kaj 12-a de septembro.** Sabate renkontiĝis esperantistoj - turistoj sub la *Nova Ponto* en BRATISLAVA , de kie per la buso ili veturis al ZÁHORSKÁ BYSTRICA. El tiu punkto ili uzis nur proprajn piedojn ĝis la fino de la ekskurso. Trinacia grupo (hungaro, ĉeĥoj, slovakoj) marŝis supren al la burga ruinaĵo PAJŠTÚN. Por ne esti elblovita per la vento, ĝi preferis manĝi sidante el propraj manĝprovizoj (kastelaj servantoj libertempas ekde la 19-a jarcento). Plifortigitaj turistoj daŭrigis sub DRAČÍ HRÁDOK kun ebleco naĝi en rivereto (neniu eluzis la ŝancon). Dumvoje ili kolektis rubusberojn, eĉ fungojn. La gvidantino ekvidis la unuan fojon en arbaro vulpon. La piedekskurso finiĝis en RAČA, kie siatempe okazis vinfestivalo. Tie ni renkontiĝis kun OSES-anoj kaj trinkis (neniu drinkis) junan vinon (*burčiak*). Poste ni iris al *Slovaka knajpo*, kie ni manĝis pere de la mono de Petro CHRDLE kaj faris konkludon de du internaciaj someraj eventoj - SAT-kongreso kaj ILEI-konferenco. Dimanĉe ni vizitis pitoreskan lokon SANDBERG kun riĉa floraro, faŭno kaj arkeologia troviĝejo el triepoka terperiodo. La maro translokiĝis, do mar-emaj naĝantoj devas veturi al Kroatio aŭ alia loko. Ni ĝojas revidi vin venontfoje ĉe simila aranĝaĵo.

**JaRe**

## VIDMO

*Vidmo* - nekonata vorto ĝis sabato la **6-a de novembro 2004**. Tiam supreniris 6 esperantistoj (Z. MISURA, I. MORGOŠOVÁ, R. STAŇOVÁ, V. ŠKUTA, J. VAJS, V. ZVAROVÁ) al montpasejo MENGUSOVSKÉ (2 307 m super la maro) en la montaro ALTAJ TATROJ. Aliaj pli frue naskiĝintaj esperantistoj (J. ČIMBORA, M. NEUBELER, M. ŠTURCEL, V. SUROVČEK) restis en altmontara kabano ĉe la altmontara lago POPRADSKÉ (1 494 m super la maro) kaj paŝadis en najbara ĉirkaŭaĵo. La suprengrimpantoj eliris el POPRADSKÉ PLESO kaj sur turisma vojeto supreniris tra la valo MENGUSOVSKÁ (blua turisma marko) al la plej granda (20,08 ha) kaj la plej profunda (53,7 m) altmontara lago VEĽKÉ HINCOVO. Laŭ la statistiko mezproksima tempo kiam estas surfaco kovrita per glaciaĵo estas de la 15-a de novembro ĝis la 5-a de julio. Maksimuma varmeco de akvo en la lago estas +8°C. De la lago daŭrigas suprengrimpado sur malnova vojeto, kiu jam longajn jarojn oficiale ne funkcias kaj ne estas signita en turismaj mapoj. De loko al loko oni povas vidi malnovan nehelan turisman markon, kiu estis siatempe verda. La vojeto krude kondukas sub rokegoj al la montpasejo MENGUSOVSKÉ. La montpasejo kuŝas sur la limo inter Slovakio kaj Pollando. El la pola flanko kondukas larĝa oficiala turisma vojeto. Dum la tuta suprengrimpado estis en MENGUSOVSKÁ valo bela vetero malgraŭ tio, ke el najbaraj valoj premiĝis nubojn. En Pollando estis densa nebulo kaj ĉi tie la partoprenantoj ekvidis interesan miraĝon. Starante sur la montpasejo la suno brilis flanke el la spino kaj sur nebulo ĉiu vidis sian korpon kun kolora cirklo ĉirkaŭ kapo. Por ĉiuj tiu aperaĵo - *vidmo* - estis nekonata. Ĝin klarigis vespere Marián ŠTURCEL, profesiulo el TATRA NACIA PARKO (TANAP). Li vespere prelegis pri interesaĵoj el la plej konata nacia parko en



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

Slovakio. En la unua parto de sia prelego li parolis pri problemoj kaj novaj faktoj alportitaj post eniro en Eŭropan union (1-a majo 2004), kio okazis kun la nacia parko post tuta malfermo de limoj inter Slovakio kaj Pollando post plenumado de Schengena interkonsento en niaj landoj. Aktuala estos ankaŭ demando, ĉu funkcios aŭ ne la vojeto sur kiu ni sabate suprengrimpis al MENGUSOVSKÉ montpasejo. M. ŠTURCEL diris, ke estas vero pri malfermo de la limoj, sed la leĝoj pri naciaj parkoj restos. Li parolis ankaŭ pri diferencoj en TATRA NACIA PARKO en Slovakio kaj Pollando. La dua parto de lia prelego estis pri kunvivo en nacia parko inter homo kaj urso. Slovakio estas unu el nemultaj eŭropaj landoj kie ĝis nun vivas en libera naturo ursoj. Nuntempe estas en slovakaj montaroj multe da ursoj kaj ofte aperas konfliktoj kun homoj. La dua prelego sabate vespere estis pri propagandisto de Esperanto kaj kunfondinto de *Simbola tombejo* - Alois LUTONSKÝ. Prelegis J. VAJS, kiu konatigis aŭskultantojn kun vivo kaj gravaj agoj de A. LUTONSKÝ. Malmultaj homoj scias, ke A. LUTONSKÝ kun la ĉeĥa artpentristo Otakar ŠTÁFL fondis kaj realigis *Simbolan tombejon* sub la montopinto OSTERVA, ke A. LUTONSKÝ estis kune kun Jozef RUTTKAY iniciatoro por doni la nomon *ESPERANTO* al la hotelo en civito PRIBYLINA, ke A. LUTONSKÝ estis kunfondinto de Esperanto-klubo en la urbo LIPTOVSKÝ MIKULÁŠ en la jaro 1964, ke A. LUTONSKÝ proponis kaj realigis la unuan altmontaran pendtelferon sur la montopinto CHOPOK (Ĥopok) en MALALTAJ TATROJ kaj ke li estis tiu, kiu iniciatis memortombejon al soldatoj mortintaj dum liberigaj bataloj ĉe la urbo LIPTOVSKÝ MIKULÁŠ.



Lasta punkto de vespera programo estis diskuto pri parko kaj statuo de Milan ZVARA en la urbo POPRAD. Kolekto de mono por la statuo malrapide kreskas kaj ne ĉiuj esperantistoj scias pri bankkonto kaj pri laboroj en la parko. Milan ZVARA estis en slovaka Esperanto-movado unu el la plej gravaj personecoj, kiu meritas nian estimon.

Dimanĉe estis la tuta regiono kovrita per maldika neĝa tavolo. La partoprenantoj ekskursis al proksima *Simbola tombejo*, kie estas multaj memortabuloj parolantaj pri malfeliĉoj en montaroj. La tombejon vizitis la esperantistoj vendrede nokte, kiam kandeloj fantazie prilumigas preĝejeton, sur ĉielo brilas steloj kaj arbaro misterplene sonas.

La **turisma renkontiĝo ĉe POPRAD-lago** okazis enkadre de la projekto ***Dekdu monatoj/dekdu montopintoj*** kaj estis jam la dekunua okazaĵo en la projekto.

**Jano VAJS**



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

## SAT KONGRESIS EN BRATISLAVO

Inter la 14-a kaj 21-a de aŭgusto - ĉi-jare paralele kun Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj - kongresis Sennacieca Asocio Tutmonda en BRATISLAVO, Slovakio.

Partoprenis pli ol 140 personoj el 19 landoj. Plimulto el la partoprenantaro venis el Francio, kie SAT havas plejmulton da membroj. Sabato, la 14-a de aŭgusto, estis la tago de bonvenigoj kaj por konatiĝo kun la urbo.

La oficiala malfermo de la Kongreso okazis dimanĉe matene. La kongreson salutis Petro CHRDLE, prezidanto de la loka kongres-komitato, sekvis salutvortoj de Alica KOMLÓŠI, kiu skizis la historion de la urbo BRATISLAVO. Salutvortojn de Renato CORSETTI peris Marija BELOŠEVIĆ.

En sia inaŭgura parolado Jakvo SCHRAM, prezidanto de la Plenum-Komitato de SAT, parolis pri Eŭgeno LANTI, la ĉefa fondinto de SAT, kiu naskiĝis antaŭ 125 jaroj. Li substrekis, ke LANTI konsekvence kondamnis la fanatikecon, ne malpli decide ol (kiel poste restis pli memorate) la esperantistan politikan neŭtralismon.

SAT-kongreso konsistas ĝenerale el kvar partoj: ekskursoj, prelegoj, kiuj prefere rilatas al politikaj aŭ lingvaj temoj, kunsidoj de diversaj Frakcioj de SAT, kaj plej grave laborkunsidoj kiuj estas la jarkunveno de la asocio. La ekskursoj estis tre ŝatataj de plejmulto el la partoprenantoj kaj certe helpis sukcesigi la kongreson.

Eble iom tro oni parolis en la prelegoj pri la lando Slovakio kaj la urbo BRATISLAVO kaj ne sufiĉe pritraktis politikajn problemojn, kiuj certe ankaŭ en Slovakio ekzistas. Tre gravaj estis la kunsidoj de Frakcioj de SAT, grupoj de homoj, kiuj defendas la saman politikan koncepton kaj klopodas prezenti sur sia politika kampo Esperanton kiel la plej ĝustan rimedon por komuniki trans lingvaj limoj. Anoj de la komunista Frakcio eĉ rezignis partopreni ekskursojn pro multe da laboro. Certe la komunista Frakcio bonŝancas kun la nuna gvidanto de la Frakcio, la konata aktivulo Stan KEABLE. Aliaj Frakcioj kiuj kunvenis estis la Liberecanoj, Sennaciistoj, Ekologiistoj, Ĉielarko (defendo de la rajtoj de aliaj formoj de seksumado kiel gejoj ktp). Ĉi-jare oni klopodis krei Humanistan Frakcion, sed diskuto montris ke jam la statuto de SAT bone substrekas la humanisman idearon de la asocio kaj aperis demando, ĉu necesas aparta Frakcio kies idearo jam troviĝas plene en la asocio?

Kunvenis kun pli da sukceso ol kutime la Junulfako, precipe dank' al la samtempe okazanta ILEI-Konferenco (ILEI pritraktas instruadon de Esperanto kaj havas plejparte junajn membrojn.)

Fondiĝis Por-Esperanta Fako. Ĝis nun SAT ne pritraktis instruadon aŭ disvastigadon de Esperanto. Montriĝis tamen, ekzemple dum Eŭropa Sociala Forumo, okazinta en ST DENIS (Pariza regiono) la neceso ke SAT pritraktu ankaŭ ĉi tiun temon. Gary MICKLE estas la iniciatinto kaj motoro malantaŭ la projekto, kiu eble povus altiri novajn membrojn.

Dum la politika forumo, kiu okazis mardon la 17-an de aŭgusto, oni vigle diskutis pri la temo Honesta Merkato (*Fair Trade*). La ĝeneralaj laborkunsidoj, kelkfoje la okazejo de tempestoj en SAT, estis ĉi-foje nekutime pacaj. Aprobiĝis la Regularo de la Por-Esperanta Fako, kiu celas i.a. informi pri Esperanto kaj varbi por SAT en regionoj kaj medioj ekster la atingopovo de la LEA-oj (LEA = Laborista E-Asocio), tute aparte per interreto, faciligi interŝanĝon de informiloj en la SAT/LEA-medio kaj stimuli la debaton pri informstrategiaj konceptoj. Debato pri la rilatoj kun la Esperanta Civito evidentigis preskaŭ senescepte kritikan sintenon pri tiu organizaĵo, kvankam plimulto voĉdonis por la ne-pritrakto de nocio celanta ĉesigi formalajn rilatojn inter SAT kaj ĝi.

**Jakvo SCHRAM**

Transprenite el Esperanto revuo, novembro 2004



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

## ESPERANTISTAJ INSTRUISTOJ KUNSIDIS EN SLOVAKIO

La 37-a ILEI-Konferenco estis en la urbo BRATISLAVA (Slovakio) inter la 14-a kaj la 21-a de aŭgusto 2004. Aliĝis 49 personoj el 20 landoj. La konferenca temo estis *Kultura kaj lingva diverseco en edukado* kaj ĝi estis pritraktita de Radojica PETROVIĆ.

Du seminarioj okazis paralele: de *Interkulturo* kaj de *Flugiloj de Malfacila Vento*, dum kiuj la partoprenantoj enprofundiĝis en la celojn de ambaŭ projektoj.

Grave estas, ke en la konferenca programo estis tempo dediĉita al la pridiskuto de *Strategio por ILEI* kaj tio okupis du sesiojn.

La programo estis riĉigita de kontribuoj de Nina DANILJUK pri Lingvokultura leksiko en la instruado de la denaskaj kaj fremdaj lingvoj, Sándor HORVÁTH pri Monda instruado de la angla. Faktoj, mitoj, ekscesoj, problemoj, Hokan LUNDBERG kaj la lernu!-teamo pri la projekto lernu!, Tereza KAPISTA pri Instrulaboroj kaj spertoj en Irano, Atilio Orellana ROJAS pri ILEI 55-jara, kaj Josef VOJÁČEK pri Projektoj pri la instruado de Esperanto.

Eblis renkontiĝi kun la redaktoroj de la ILEI-revuoj, *Internacia Pedagogia Revuo* kaj *Juna Amiko*, kaj tiam trakti pri la evolubezonoj kaj planoj por ambaŭ eldonaĵoj.

En la posttagmezo de la lasta konferenca tago okazis Lingva Festivalo, dum kiu estis prezentitaj 20 diversaj lingvoj. Ĝi vekis la atenton de la lokaj amaskomunikiloj.

Enviciĝis ankaŭ sesio de la internaciaj ekzamenoj de ILEI/UEA kaj el la 8 kandidatoj sukcesis du en la elementa kaj kvar en la meza niveloj.

Diversaj ekskursoj kaj tuttagaj kaj duontagaj permesis al la ĉeestantoj konatiĝi kun la urbo BRATISLAVA kaj aliaj regionoj de Slovakio.

La samtempeco kaj samlokeco de la Konferenco kun la SAT-Kongreso donis la okazon al la Plenum-Komitato de SAT kaj al la Estraro de ILEI renkontiĝi kaj diskuti pri eventuala kunlaboro en kampoj komunaj, ekzemple en taskoj ligitaj al la teksto de la reeldonota PIV.

Pri la konferenco raportis kvin TV-stacioj, sep radiostacioj kaj ses gazetoj. La ILEI-Komitato kunsidis dum pli ol sep horoj. Ĉeestis reprezentantoj el Ĉeĥio, Finnlando, Hungario, Italio, Kroatio-KEU, Kubo, Nederlando kaj Ukrainio.

La ĉefaj decidoj de la Komitato estas la jenaj:

- akcepto de nova Honora Membro: s-ino Adriana Middelkoop el Nederlando;
- aprobo de la jara kaj financa raporto por la jaro 2003;
- aprobo de buĝeto por la jaro 2004;
- fondo de Azia Komisiono por prizorgi la rilatojn kun la aziaj kolegoj;
- malfondo de la Lerneja Komisiono;
- aprobo de la teksto de la Regularo de la Internaciaj Ekzamenoj de ILEI/UEA;
- aprobo de ŝanĝoj al la Interna kaj la Konferenca Regularoj.

Dum la konferenco estis traktitaj temoj kiel la ekzistantaj bonaj rilatoj kun E-organizoj kiel UEA, TEJO kaj ne-esperantistaj kiel Unesko kaj FIPLV (Internacia Federacio de Instruistoj pri Vivaj Lingvoj).

**Atilio Orellana ROJAS**

Transprenite el *Esperanto revuo*, oktobro 2004

*Ambaŭ artikoloj legeblas sur la retpaĝo de SKEJ <skej.esperanto.sk>*



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

## MALGRAVAJ LINGVOJ NE EKZISTAS

### Deklaracio de *SKEJ - Slovakia esperanta junularo* pri Eŭropa tago de lingvoj

Eŭropa tago de lingvoj, 26-a septembro 2004, estas la festo de lingva edukado kaj lingva diverseco. Estas la tago por montri trezoron en niaj lingvoj, kaj por kuraĝigi homojn lerni lingvojn. Respekti la lingvojn de niaj najbaroj helpas, ke homoj respektu nian lingvon - la slovakan.

SKEJ - *Slovakia Esperanta Junularo* opinias, ke lingvoj estas eroj de la tutmonda kultura heredaĵo. Ĉiujn lingvojn ni asertas egalaj, ni ne dividas lingvojn je 'gravaj' kaj 'malpli gravaj', ĉar ĉiu ajn lingvo pliriĉigas nin per io propra kaj unika. Lingvaj egaleco kaj diverseco gravas al ni. Ni helpis al ili per kunorganizado kaj diskonigado de Lingva festivalo en BRATISLAVA (20-an de aŭgusto 2004). Ĉe nia retpaĝo <http://skej.esperanto.sk> ni publikigas artikolojn pri lingvaj politiko, demokratio kaj diskriminacio.

La formortiĝado de la lingvoj maltrankviligas nin. La 'grandaj' lingvoj subpremas la 'malgrandajn' ankaŭ en Eŭropo. Eŭropa unio ŝajnigas, ke por ĝi gravas lingva diverseco. Ĝi certigas nin pri tio per la slogano *Komune en diverseco*, per la Eŭropa Ĉarto por Regionaj kaj Minoritataj Lingvoj, per la preparata konstitucio. Sed deklaracioj ne sufiĉas. La situacion bone priskribas la fakto, ke ĉe la oficialaj eŭropuniaj retpaĝoj <http://europa.eu.int> estas slovake grandparte nur ligiloj al anglalingvaj dokumentoj. Ĉu nia eŭropa civitaneco estas nur la malplena kovraĵo?

Pli kaj pli da eŭropaj postenoj estas rezervitaj al denaskaj parolantoj de la angla ('English mother tongue only': vidu la liston de 750 dunganoncoj ĉe <http://www.lingvo.org/diskriminacio>). Sed la angla ne atingis sian pozicion per siaj ecoj. Usono kaj Britio subtenas la anglan lingvon per grandaj monsumoj. Neil Kinnock, la ĝisnuna vicprezidanto de Eŭropa Komisiono, kiu respondecis ankaŭ pri lingvaj servoj, estos nomumita ĉefestro de British Council, organizo, kiu okupiĝas pri subteno de la angla. Oni forte suspektas, ke liaj strangaj agoj en lia posteno celas avantaĝigi la anglan <http://www.francophonie-av.com/Index%20AMC%20conflit%20d'interets.htm>. Eŭropo malrapide kaj nevideble malgajnas kontraŭ lingva hegemonio. Unu lingvo ĉiujn regas, unu ĉiujn premas...

Tial ni alvokas je diskuto pri lingva politiko de Eŭropa unio, ne nur ĝiajn instituciojn, sed ankaŭ la slovakan registaron, neregistarajn asociojn kaj ĉiujn civitanojn, kiuj ne indiferentas pri la sorto de la slovaka lingvo. Ni proponas respondece esplori, sen emocioj kaj antaŭjuĝoj, ĉu la angla taŭgas kiel monda lingvo. Ni postulas, ke oni kun egala graveco prijuĝu la uzon de la internacia neŭtrala lingvo Esperanto, kiel alternativo por kuniĝanta Eŭropo.

**Slovenská esperantská mládež - Slovakia Esperanta Junularo - SKEJ**
<skej.esperanto.sk>



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

## VENONTJARA IJK PROKSIMEGE AL SLOVAKIO

Kiel eble vi jam scias, la venontjara IJK (Internacia Junulara Kongreso - kvazaŭ UK por gejunuloj) okazos ege proksime al Slovakio, en ĉarma pola urbeto **ZAKOPANE.** Krome ĝi komenciĝos tuj unu tagon post la UK en Litovio, do revenonte el Litovio povos ĉiu iom halti duonvoje hejmen kaj ĝui ankaŭ tiun ĉi junul-freŝan kaj program-plenan okazaĵon. Krome - se vi volus iamaniere ankaŭ kontribui al la programo, helpi al organizantoj, vi estas kore bonvenaj. Ĉiu mano (kaj kapo) utilos, ĉiu ero de la programo estos pliriĉiĝo de la tuto. Vi povas anonci sin ĉe mi, organizanto de la ĝenerala programo (Petro BALÁŽ) je la retadreso petro@ikso.net, aŭ telefone al la numero +421 902 203 369.

Dato de la IJK estas ekde la **31-a de julio** ĝis la **7-a de aŭgusto 2005** kaj la temo estas: *Unueco en diverseco*. La aliĝiloj kaj ĉiuj aliaj informoj troveblas sub: <www.tejo.org/ijk>.

**Peter BALÁŽ**



**Kun ĝojo ni eksciis,**
**ke Martin MINICH, nia juna aktivulo,**
**estis elektita kiel**
***TEJO-volontulo* por ROTERDAMO.**
**Sinceran gratulon, Marteno!**

## JUNA AMIKO ABONEBLA EN SLOVAKIO

Ekde la oktobro 2004 (do jam nun) eblas aboni revuon ***Juna amiko*** ankaŭ en Slovakio - ĉe Peter BALÁŽ (rete: - <petro@ikso.net> aŭ telefone: +421/902 203 369). La gazeto havas jenajn leganto-grupojn: infanojn (interalie el esperantaj familioj) * lernejanojn, kursanojn kaj iliajn instruistojn * junulojn en grupoj kaj solaj * komencantoj de ajna aĝo.

La presita revuo aperos trifoje jare, enhavos pli da paĝoj ol antaŭe (kiam ĝi aperadis kvarfoje), pli da bildoj, novaj rubrikoj...

La revuo havas sian parton ankaŭ en la ret-paĝo www.lernu.net (sub *Juna amiko* en la biblioteko), kie aperados kaj aldoniĝos informoj de la reta *Juna amiko* 12-foje jare.

Por pli da informoj rigardu: <www.ikso.net/ilei> - sub *Juna amiko*.

La abonkotizo (por Slovakio) por la jaro 2005: 1 ekz. 9 € jare * ekde 3 ekz. 7 € jare.

*(Rim.: Se vi mendas la gazeton ĝis la fino de la jaro 2004, validas tarifo 7 €.)*

**Peter BALÁŽ**



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

## SLOVAKLINGVAJ ELEKTRONIKAJ KONFERENCOJ (DISSENDOLISTOJ)

Kiu ŝatas komuniki pere de interreto, povas aliĝi en slovakajn dissendolistojn. Pluajn informojn petu en la adreso <www.esperanto.sk> - Babilejo - elektronikaj konferencoj (Dissendolistoj) <http://esperanto.host.sk/babil/dissendolistoj.php>.

**Rasťo ŠARIŠSKÝ**

## SKEJ PREZENTIS ESPERANTON



Dum la tagoj 13-a - 15-a de oktobro 2004 okazis en Bratislava internacia aranĝo pri edukada prezentado organizita per Metodika pedagogika centro kaj Forumo de Pedagogio en BRATISLAVA. SKEF, reprezentita pere de niaj junuloj, aktive partoprenis ĝin prezentante pionirajn pedagogiajn metodojn de instruado de fremdaj lingvoj, uzatajn nuntempe dum instruado de Esperanto kaj ĉefe retpaĝon <www.lernu.net>. Ĉi imitinda aktiveco de niaj SKEJ-anoj ricevis dank-leteron subskribitan de Martin FRONC, slovaka ministro por lernejaferoj.

**FEJFI**

## ELDONEJO ESPERO JUBILEAS

Sian unuan datrevenon ĵus (novembre) jubileis slovaka eldonejo ESPERO, kiu plejmulte orientiĝas je Esperantaĵoj. En tiu ĉi periodo ĝi eldonis kvin publikaĵojn en Esperanto (*Skizon de la E-a literaturo*, multmedian KD-on, *Vortareton de internaciaj vortoj en E-o*, Esperantan lernolibron por slovakoj, pripacan libron *Ni ne estas senpovaj*). Krome la eldonejo ankaŭ distribuas pli malnovajn titolojn de la slovaka movado, kaj ankaŭ ĉe ĝi eblas mendi librojn de ĉeĥa samideano kaj eldonisto Petro CHRDLE kaj lia eldonejo KAVA-PECH. Ĉiujn publikaĵojn eblas mendi ankaŭ pere de Interreto. Eldonitaĵoj troveblas sub: <www.espero.sk>.

**Petro BALÁŽ, la posedanto**

## RONDAJ E-DATREVENOJ DE 2004

| | |
|---|---|
| 1889 (115.): | naskiĝis Edmond PRIVAT. |
| 1904 (100.): | La unua internacia E-renkontiĝo en CALAIS kaj DOVER, en kiu la verda stelo estis proponita kiel la simbolo de Esperanto. |
| 1909 (95.): | Fondiĝis Internacia Fervojista E-Federacio. |
| 1914 (90.): | Ekaperis *Esperantista Vegetarano*. |
| 1929 (75.): | Inaŭguro de Internacia E-Muzeo en VIENO. |
| 1954 (50.): | Rezolucio de UNESCO pri Esperanto (MONTEVIDEO). |
| 1979 (25.): | Forpasis Andreo CSEH. |
| 1994 (10.): | Johano Paŭlo la Dua komencas eldiri siajn Paskajn kaj Kristnaskajn bondezirojn en Esperanto. Esperantisto Reinhard SELTEN ricevis Nobel-premion. |



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

## LA ONDO DE ESPERANTO EŬROPA ESPERANTO-UNIO - REZOLUCIO DE BILBAO

Kunveninte okaze de la 6-a Eŭropa Kongreso de Esperanto, kiu disvolviĝis en BILBAO de la 25-a ĝis la 28-a de aŭgusto 2004, la 284 partoprenantoj el 24 landoj:

**Substrekas,** ke la homaranisma principaro de la Esperanto-movado, kaj ĝia celo al libera interkomprenigo inter la homoj kaj la popoloj kaj al paco, tute kongruas kun la tuteŭropa volo konstrui Eŭropon enpaciĝinta, unueca, harmonia kaj riĉigita de ĝiaj multspecaj kaj multlingvaj kulturoj.

**Substrekas** sian firman subtenon al la principo de strikta lingva egalrajteco kaj de neŭtrala multlingvismo.

**Notas,** en la aplikado de tiu principo, la ampleksecon de la teknikaj kaj financaj malfacilaĵoj, kiujn devas alfronti la eŭropuniaj servoj pri tradukado kaj interpretado, kaj kiujn hodiaŭ pligravigas la plivastiĝo de Eŭropa Unio.

**Konstatas,** ke en la eŭropuniaj instancoj - same kiel en multaj eŭropaj organizaĵoj, eĉ en la eŭropaj membro-ŝtatoj kaj ties instruadaj sistemoj - pli kaj pli nur unu nacia lingvo estas privilegie konsiderata kiel sola bazlingvo de komunikado kaj informado tiel malfortigante komunan eŭropan identecon.

**Konstatas,** sekve de tiu privilegio, ankaŭ la lingvan diskriminacion de multegaj dunganoncoj, kiuj proponas postenojn rezervitajn nur al denaskaj parolantoj de tiu nacia lingvo, kaj kiu tiel iom post iom kreas ties faktan hegemonion.

**Kondamnas** tiun faktan lingvan hegemonion, kiu kontraŭas ĉiujn principojn de egaleco, objektiveco kaj demokrateco, kiu maljuste favoras iun malplimulton de eŭropaj civitanoj, kaj el kiu aŭtomate fontas kultura, ekonomia, socia kaj politika superregado kaj mallojala konkurenco.

**Certas,** ke solvo de tiuj problemoj povas kuŝi en la uzo de neŭtrala lingvo kiel Esperanto, pro ĝiaj ecoj de facileco, precizeco kaj logika konstruo, de prononca homogeno kaj de rapida adapteblo, kiel traduka kaj interpreta pivotlingvo en la eŭropuniaj instancoj, kaj kiel lingvoinstrua helpilo en la instruaj sistemoj de la membro- ŝtatoj.

**Proponas,** surbaze de rezolucioj de Unesko de 1954 kaj 1985 pri instruado de Esperanto, kaj de la konkludoj de la raporto *Ĝeneralaj aranĝoj pri multlingvismo*, alprenita de la Eŭropa Parlamento en 2004, ke la Eŭropa Parlamento starigu interpartian grupon por funde pristudi la nunajn eŭropajn lingvajn problemojn, la diversajn ekzistantajn solvojn kaj la eblecon proponitan per Esperanto.

**Sugestas,** ke tiu prilingva grupo rapide iniciatu eksperimentojn - zorge kontrolotajn kaj mezurotajn de fakuloj kaj parlamentanoj - de uzo de Esperanto kiel traduk-interpreta pivotlingvo en la Eŭropa Parlamento, kaj ke ĝi konsilu al ĉiuj membro-ŝtatoj simile kontrolotajn eksperimentojn pri enkonduko kaj instruado de Esperanto en iliaj instrusistemoj.

*En BILBAO, la 28-an de aŭgusto 2004.*

**Transprenite el <u>www.lingvo.org</u>**

Legeblas sur la retpaĝo de Slovakia Esperanta Junularo SKEJ <skej.esperanto.sk>



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

## JEN LA KOMENCO...

...Vi demandas min, kiel aperis ĉe mi la ideo krei lingvon internacian kaj kia estis la historio de la lingvo Esperanto de la momento de ĝia naskiĝo ĝis tiu ĉi tago? La tuta publika historio de la lingvo, t. e. komencante de la tago, kiam mi malkaŝe eliris kun ĝi, estas al Vi pli-malpli konata; cetere tiun ĉi periodon de la lingvo estas nun, pro multaj kaŭzoj, ankoraŭ neoportune tuŝadi; mi rakontos al Vi tial en komunaj trajtoj sole la historion de la naskiĝo de la lingvo.

Estos por mi malfacile rakonti al Vi ĉion tion ĉi detale, ĉar multon mi mem jam forgesis: la ideo, al kies efektivigo mi dediĉis tutan mian vivon, aperis ĉe mi - estas ridinde ĝin diri - en la plej frua infaneco kaj de tiu ĉi tempo neniam min forlasadis; mi vivis kun ĝi kaj eĉ ne povas imagi min sen ĝi. Tiu ĉi cirkonstanco parte klarigos al Vi, kial mi kun tiom da obstineco laboris super ĝi kaj kial mi, malgraŭ ĉiuj malfacilaĵoj kaj maldolĉaĵo, ne forlasadis tiun ĉi ideon, kiel ĝin faris multaj aliaj, laborintaj sur la sama kampo.

Mi naskiĝis en BJELOSTOKO, gubernio de GRODNO. Tiu ĉi loko de mia naskiĝo kaj de miaj infanaj jaroj donis la direkton al ĉiuj miaj estontaj celadoj. En BJELOSTOKO la loĝantaro konsistas el kvar diversaj elementoj: rusoj, poloj, germanoj kaj hebreoj; ĉiu el tiuj ĉi elementoj parolas apartan lingvon kaj neamike rilatas la aliajn elementojn. En tia urbo pli ol ie la impresema naturo sentas la multepezan malfeliĉon de diverslingveco kaj konvinkiĝas ĉe ĉiu paŝo, ke la diverseco de lingvoj estas la sola, aŭ almenaŭ la ĉefa kaŭzo, kiu disigas la homan familion kaj dividas ĝin en malamikaj partoj. Oni edukadis min kiel idealiston; oni min instruis, ke ĉiuj homoj estas fratoj, kaj dume sur la strato kaj sur la korto, ĉio ĉe ĉiu paŝo igis min senti, ke homoj ne ekzistas: ekzistas sole rusoj, poloj, germanoj, hebreoj, k. t. p. Tio ĉi ĉiam forte turmentis mian infanan animon, kvankam multaj eble ridetos pri tiu ĉi 'doloro pro la mondo' ĉe la infano. Ĉar al mi tiam ŝajnis, ke la 'grandaĝaj' posedas ian ĉiopovan forton, mi ripetadis al mi, ke kiam mi estos grandaĝa, mi nepre forigos tiun ĉi malbonon.

Iom post iom mi konvinkiĝis, kompreneble, ke ne ĉio fariĝas tiel facile, kiel ĝi prezentiĝas al la infano; unu post la alia mi forĵetadis diversajn infanajn utopiojn, kaj nur la revon pri unu homa lingvo mi neniam povis



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

forĵeti. Malklare mi iel min tiris al ĝi, kvankam, kompreneble, sen iaj difinitaj planoj. Mi ne memoras kiam, sed en ĉia okazo sufiĉe frue, ĉe mi formiĝis la konscio, ke la sola lingvo povas esti nur ia neŭtrala, apartenanta al neniu el la nun vivantaj nacioj. Kiam el la Bjelostoka reala lernejo (tiam ĝi estis ankoraŭ gimnazio) mi transiris en la Varsovian duan klasikan gimnazion, mi dum kelka tempo estis forlogata de lingvoj antikvaj kaj revis pri tio, ke mi iam veturados en la tuta mondo kaj per flamaj paroloj inklinados la homojn revivigi unu el tiuj ĉi lingvoj por komuna uzado. Poste, mi ne memoras jam kiamaniere, mi venis al firma konvinko, ke tio ĉi estas neebla, kaj mi komencis malklare revi pri nova, arta lingvo. Mi ofte tiam komencadis iajn provojn, elpensadis artifikajn riĉegajn deklinaciojn kaj konjugaciojn, k. t. p. Sed homa lingvo kun ĝia, kiel ŝajnis al mi, senfina amaso da gramatikaj formoj, kun ĝiaj centoj da miloj de vortoj, per kiuj min timigis la dikaj vortaroj, ŝajnis al mi tia artifika kaj kolosa maŝino, ke mi ne unufoje diradis al mi: „for la revojn! tiu ĉi laboro ne estas laŭ homaj fortoj”, - kaj tamen mi ĉiam revenadis al mia revo.

Germanan kaj francan lingvojn mi ellernadis en infaneco, kiam oni ne povas ankoraŭ kompari kaj fari konkludojn; sed kiam, estante en la kvina klaso de gimnazio, mi komencis ellernadi lingvon anglan, la simpleco de la angla gramatiko ĵetiĝis en miajn okulojn, precipe dank' al la kruta transiro al ĝi de la gramatikoj latina kaj greka. Mi rimarkis tiam, ke la riĉeco de gramatikaj formoj estas nur blinda historia okazo, sed ne estas necesa por la lingvo. Sub tia influo mi komencis serĉi en la lingvo kaj forĵetadi la senbezonajn formojn, kaj mi rimarkis, ke la gramatiko ĉiam pli kaj pli degelas en miaj manoj, kaj baldaŭ mi venis al la gramatiko plej malgranda, kiu okupis sen malutilo por la lingvo ne pli ol kelkajn paĝojn. Tiam mi komencis pli serioze fordoniĝi al mia revo. Sed la grandegulaj vortaroj ĉiam ankoraŭ ne lasadis min trankvila.

Unu fojon, kiam mi estis en la 6-a aŭ 7-a klaso de la gimnazio, mi okaze turnis la atenton al la surskribo '*Ŝvejcarskaja'*, kiun mi jam multajn fojojn vidis, kaj poste al la elpendaĵo '*Konditorskaja*'. Tiu ĉi '-skaja' ekinteresis min kaj montris al mi, ke la sufiksoj donas la eblon el unu vorto fari aliajn vortojn, kiujn oni ne devas aparte ellernadi. Tiu ĉi penso ekposedis min tute, kaj mi subite eksentis la teron sub la piedoj. Sur la terurajn grandegulajn vortarojn falis



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

radio de lumo, kaj ili komencis rapide malgrandiĝi antaŭ miaj okuloj.

„La problemo estas solvita!” - diris mi tiam. Mi kaptis la ideon pri sufiksoj kaj komencis multe labori en tiu ĉi direkto. Mi komprenis, kian grandan signifon povas havi por la lingvo konscie kreata la plena uzado de tiu forto, kiu en lingvoj naturaj efikis nur parte, blinde, neregule kaj neplene. Mi komencis kompari vortojn, serĉi inter ili konstantajn, difinitajn rilatojn kaj ĉiutage mi forĵetadis el la vortaro novan grandegan serion da vortoj, anstataŭigante tiun ĉi grandegon per unu sufikso, kiu signifis certan rilaton. Mi rimarkis tiam, ke tre granda amaso da vortoj pure radikaj (ekz. ‘patrino‘, ‘mallarĝa‘, ‘tranĉilo‘, k .t. p.) povas esti facile transformitaj en vortojn formitajn kaj malaperi el la vortaro. La meĥaniko de la lingvo estis antaŭ mi kvazaŭ sur la manplato, kaj mi nun komencis jam labori regule, kun amo kaj espero. Baldaŭ post tio mi jam havis skribitan la tutan gramatikon kaj malgrandan vortaron.

Tie ĉi mi diros ĝustatempe kelkajn vortojn pri la materialo por la vortaro. Multe pli frue, kiam mi serĉis kaj elĵetadis ĉion senbezonan el la gramatiko, mi deziris uzi la principojn de la ekonomio ankaŭ por la vortoj kaj, konvinkita, ke estas tute egale, kian formon havos tiu aŭ alia vorto, se ni nur konsentos ke ĝi esprimas la donitan ideon, mi simple elpensadis vortojn, penante, ke ili estu kiel eble pli mallongaj kaj ne havu senbezonan nombron da literoj. Mi diris al mi, ke anstataŭ ia 11-litera ‘interparoli’ ni tute bone povas esprimi la saman ideon per ia ekz. dulitera ‘pa’. Tial mi simple skribis la matematikan serion da plej mallongaj, sed facile elparoleblaj kunigoj de literoj kaj al ĉiu el ili mi donis la signifon de difinita vorto (ekz. a, ab, ac, ad, ... ba, ca, da, ... e, eb, ec, ... be, ce, ... aba, aca, ... k. t. p.) Sed tiun ĉi penson mi tuj forĵetis, ĉar la provoj kun mi mem montris al mi, ke tiaj elpensitaj vortoj estas tre malfacile ellerneblaj kaj ankoraŭ pli malfacile memoreblaj. Jam tiam mi konvinkiĝis, ke la materialo por la vortaro devas esti romana-germana, ŝanĝita nur tiom, kiom ĝin postulas la reguleco kaj aliaj gravaj kondiĉoj de la lingvo. Estante jam sur tiu ĉi tero, mi baldaŭ rimarkis, ke la nunaj lingvoj posedas grandegan provizon da pretaj jam vortoj internaciaj, kiuj estas konataj al ĉiuj popoloj kaj faras trezoron por estonta lingvo internacia, - kaj mi kompreneble utiligis tiun ĉi trezoron.



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

En la jaro 1878 la lingvo estis jam pli-malpli preta, kvankam inter la tiama ‘lingwe uniwersala’ kaj la nuna Esperanto estis ankoraŭ granda diferenco. Mi komunikis pri ĝi al miaj kolegoj (mi estis tiam en oka klaso de la gimnazio). La plimulto da ili estis forlogitaj de la ideo kaj de la frapinta ilin neordinara facileco de la lingvo, kaj komencis ĝin ellernadi. La 5-an de decembro 1878 ni ĉiuj kune solene festis la sanktigon de la lingvo. Dum tiu ĉi festo estis paroloj en la nova lingvo, kaj ni entuziasme kantis la himnon, kies komencaj vortoj estis la sekvantaj:

„Malamikete de las nacjes Kado', kado', jam temp' esta'! La tot' homoze in familje Konunigare so deba'.” (En la nuna Esperanto tio ĉi signifas: „Malamikeco de la nacioj falu, falu, jam tempo estas! La tuta homaro en familion unuiĝi devas”.)

Sur la tablo, krom la gramatiko kaj vortaro, kuŝis kelkaj tradukoj en la nova lingvo.

Tiel finiĝis la unua periodo de la lingvo. Mi estis tiam ankoraŭ tro juna por eliri publike kun mia laboro, kaj mi decidis atendi ankoraŭ 5 - 6 jarojn kaj dum tiu ĉi tempo zorgeme elprovi la lingvon kaj plene prilabori ĝin praktike. Post duonjaro post la festo de 5-a de decembro ni finis la gimnazian kurson kaj disiris. La estontaj apostoloj de la lingvo provis paroleti pri ‘nova lingvo’ kaj, renkontinte la mokojn de homoj maturaj, ili tuj rapidis malkonfesi la lingvon, kaj mi restis tute sola. Antaŭvidante nur mokojn kaj persekutojn, mi decidis kaŝi antaŭ ĉiuj mian laboron. Dum 5 1/2 jaroj de mia estado en universitato, mi neniam parolis kun iu pri mia afero. Tiu ĉi tempo estis por mi tre malfacila. La kaŝeco turmentis min; devigita zorgeme kaŝadi miajn pensojn kaj planojn mi preskaŭ nenie estadis, en nenio partoprenadis, kaj la plej bela tempo de la vivo - la jaroj de studento - pasis por mi plej malgaje. Mi provis iafoje min distri en la societo, sed sentis min ia fremdulo, sopiris kaj foriradis, kaj de tempo al tempo faciligadis mian koron per ia versaĵo en la lingvo, prilaborata de mi. Unu el tiuj ĉi versaĵoj (*Mia penso*) mi metis poste en la unuan eldonitan de mi broŝuron; sed al la legantoj, kiuj ne sciis, ĉe kiaj cirkonstancoj tiu ĉi versaĵo estis skribita, ĝi ekŝajnis, kompreneble, stranga kaj nekomprenebla.

Dum ses jaroj mi laboris perfektigante kaj provante la lingvon, - kaj mi havis sufiĉe da laboro, kvankam en la jaro 1878 al mi ŝajnis, ke la lingvo jam



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

estas tute preta. Mi multe tradukadis en mian lingvon, skribis en ĝi verkojn originalajn, kaj vastaj provoj montris al mi, ke tio, kio ŝajnis al mi tute preta teorie, estas ankoraŭ ne preta praktike. Multon mi devis ĉirkaŭhaki, anstataŭigi, korekti kaj radike transformi. Vortoj kaj formoj, principoj kaj postuloj puŝis kaj malhelpis unu la alian, dume en la teorio, ĉio aparte kaj en mallongaj provoj, ili ŝajnis al mi tute bonaj. Tiaj objektoj, kiel ekz. la universala prepozicio 'je', la elasta verbo 'meti', la neŭtrala, sed difinita finiĝo 'aŭ', k. t. p., kredeble neniam enfalus en mian kapon teorie. Kelkaj formoj, kiuj ŝajnis al mi riĉaĵo, montriĝis nun en la praktiko senbezona balasto; tiel ekz. mi devis forĵeti kelkajn nebezonajn sufiksojn. En la jaro 1878 al mi ŝajnis, ke estas al la lingvo sufiĉe havi gramatikon kaj vortaron; la multpezecon kaj malgraciecon de la lingvo mi alskribadis nur al tio, ke mi ankoraŭ ne sufiĉe bone ĝin posedas; la praktiko do ĉiam pli kaj pli konvinkadis min, ke la lingvo bezonas ankoraŭ ian nekapteblan 'ion', la kunligantan elementon, donantan al la lingvo vivon kaj difinitan, tute formitan 'spiriton'. (La nesciado de la spirito de la lingvo estas la kaŭzo, kial kelkaj esperantistoj, tre malmulte legintaj en la lingvo Esperanto, skribas senerare, sed en multepeza, malagrabla stilo, - dume la esperantistoj pli spertaj skribas en la stilo bona kaj tute egala, al kiu ajn nacio ili apartenas. La spirito de la lingvo sendube kun la tempo multe, kvankam iom post iom kaj nerimarkite, ŝanĝiĝos; sed se la unuaj esperantistoj, homoj de diversaj nacioj, ne renkontus en la lingvo tute difinitan fundamentan spiriton, ĉiu komencus tiri en sian flankon kaj la lingvo restus eterne, aŭ almenaŭ dum tre longa tempo, malgracia kaj senviva kolekto da vortoj.) - Mi komencis tiam evitadi laŭvortajn tradukojn el tiu aŭ alia lingvo kaj penis rekte pensi en la lingvo neŭtrala. Poste mi rimarkis, ke la lingvo en miaj manoj ĉesas jam esti senfundamenta ombro de tiu aŭ alia lingvo, kun kiu mi havas la aferon en tiu aŭ alia minuto, kaj ricevas sian propran spiriton, sian propran vivon, la propran difinitan kaj klare esprimitan fizionomion, ne dependantan jam de iaj influoj. La parolo fluis jam mem, flekseble, gracie kaj tute libere, kiel la viva patra lingvo.

Ankoraŭ unu cirkonstanco igis min por longa tempo prokrasti mian publikan eliron kun la lingvo: dum longa tempo restis nesolvita unu problemo, kiu havas grandegan signifon por



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

neŭtrala lingvo. Mi sciis, ke ĉiu diros al mi: „Via lingvo estos por mi utila nur tiam, kiam la tuta mondo ĝin akceptos; tial mi ne povas ĝin akcepti ĝis tiam, kiam ĝin akceptos la tuta mondo.” Sed ĉar la ‘mondo’ ne estas ebla sen antaŭaj apartaj ‘unuoj‘, la neŭtrala lingvo ne povis havi estontecon ĝis tiam, kiam prosperos fari ĝian utilon por ĉiu aparta persono sendepende de tio, ĉu jam estas la lingvo akceptita de la mondo aŭ ne. Pri tiu ĉi problemo mi longe pensis. Fine la tiel nomataj sekretaj alfabetoj, kiuj ne postulas, ke la mondo antaŭe ilin akceptu, kaj donas al tute nedediĉita adresato la eblon kompreni ĉion skribitan de vi, se vi nur transdonas al la adresato la ŝlosilon, - alkondukis min al la penso aranĝi ankaŭ la lingvon en la maniero de tia ‘ŝlosilo’, kiu, enhavante en si ne sole la tutan vortaron, sed ankaŭ la tutan gramatikon en la formo de apartaj, tute memstaraj kaj alfabete orditaj elementoj, donus la eblon al la tute nedediĉita adresato de kia ajn nacio tuj kompreni vian leteron.

Mi finis la universitaton kaj komencis mian medicinan praktikon. Nun mi komencis jam pensi pri la publika eliro kun mia laboro. Mi pretigis la manuskripton de mia unua broŝuro (*D-ro Esperanto. Lingvo internacia. Antaŭparolo kaj plena lernolibro.*) kaj komencis serĉi eldonanton. Sed tie ĉi mi la unuan fojon renkontis la maldolĉan praktikon de la vivo, la financan demandon, kun kiu mi poste ankoraŭ multe devis kaj devas forte batali. Dum du jaroj mi vane serĉis eldonanton. Kiam mi jam trovis unu, li dum duonjaro pretigis mian broŝuron por eldono kaj fine rifuzis. Fine, post longaj klopodoj, mi prosperis mem eldoni mian unuan broŝuron en julio de la jaro 1887. Mi estis tre ekscitita antaŭ tio ĉi; mi sentis, ke mi staras antaŭ Rubikono kaj ke de la tago, kiam aperos mia broŝuro, mi jam ne havos la eblon reiri; mi sciis, kia sorto atendas kuraciston, kiu dependas de la publiko, se tiu ĉi publiko vidas en li fantaziulon, homon, kiu sin okupas je ‘flankaj aferoj’; mi sentis, ke mi metas sur la karton tutan estontan trankvilecon kaj ekzistadon mian kaj de mia familio; sed mi ne povis forlasi la ideon, kiu eniris mian korpon kaj sangon kaj ... mi transiris Rubikonon.

**Lazaro Ludoviko ZAMENHOF**

*Eltiro el privata letero de L. ZAMENHOF al Nikolaj Afrikanoviĉ BOROVKO (1895). El la rusa tradukis Vladimir GERNET. Aperis unue en „Lingvo Internacia” n-ro 6-7, 1896.*
<http://www.esperanto.se/dok/borovko.html>



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

## FUNDAMENTO DE ESPERANTO

### *Antaŭparolo*

Por ke lingvo internacia povu bone kaj regule progresadi kaj por ke ĝi havu plenan certecon, ke ĝi neniam disfalos kaj ia facilanima paŝo de ĝiaj amikoj estontaj ne detruos la laborojn de ĝiaj amikoj estintaj, - estas plej necesa antaŭ ĉio unu kondiĉo: la ekzistado de klare difinita, neniam tuŝebla kaj neniam ŝangebla **Fundamento** de la lingvo. Kiam nia lingvo estos oficiale akceptita de la *registaroj* de la plej ĉefaj regnoj kaj tiuj ĉi registaroj per speciala *leĝo* garantios al Esperanto tute certan vivon kaj uzatecon kaj plenan sendanĝerecon kontraŭ ĉiaj personaj kapricoj aŭ disputoj, tiam aŭtoritata komitato, interkonsente elektita de tiuj registaroj, havos la rajton fari en la fundamento de la lingvo unu fojon por ĉiam ĉiujn deziritajn ŝanĝojn, *se* tiaj ŝanĝoj montriĝos necesaj; sed *ĝis tiu tempo* la fundameto de Esperanto devas plej severe resti absolute senŝanĝa, ĉar severa netuŝebleco de nia fundamento estas la plej grava kaŭzo por nia ĝisnuna progresado kaj la plej grava kondiĉo por nia regula kaj paca progresado estonta. *Neniu persono kaj neniu societo devas havi la rajton arbitre fari en nia Fundamento iun eĉ plej malgrandan ŝanĝon!* Tiun ĉi tre gravan principon la esperantistoj volu ĉiam bone memori kaj kontraŭ la ektuŝo de tiu ĉi principo ili volu ĉiam energie batali, ĉar la momento, en kiu ni ektuŝus tiun principon, estus la komenco de nia morto.

Laŭ silenta interkonsento de ĉiuj esperantistoj jam de tre longa tempo la sekvantaj tri verkoj estas rigardataj kiel fundamento de Esperanto: 1) La 16-regula ***gramatiko***; 2) la ***Universala Vortaro;*** 3) la ***Ekzercaro***. Tiujn ĉi tri verkojn la aŭtoro de Esperanto rigardadis ĉiam kiel leĝojn por li, kaj malgraŭ oftaj tentoj kaj delogoj li neniam permesis al si (almenaŭ *konscie*) eĉ la plej malgrandan pekon kontraŭ tiuj ĉi leĝoj; li esperas ke pro la bono de nia afero ankaŭ ĉiuj aliaj esperantistoj ĉiam rigardos tiujn ĉi tri verkojn kiel la solan leĝan kaj netuŝeblan fundamenton de Esperanto.

Por ke ia regno estu forta kaj glora kaj povu sane disvolviĝadi, estas necese, ke ĉiu regnano sciu, ke li neniam dependos de la kapricoj de tiu aŭ alia persono, sed devas obei ĉiam nur klarajn, tute difinitajn fundamentajn *leĝojn* de sia lando, kiuj estas egale devigaj por la regantoj kaj regatoj kaj en kiuj neniu havas la rajton fari arbitre laŭ persona bontrovo ian ŝanĝon aŭ aldonon. Tiel same por ke nia afero bone progresadu, estas necese, ke ĉiu esperantisto havu la



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

plenan certecon, ke leĝdonanto por li ĉiam estos ne ia *persono*, sed ia klare difinita *verko*. Tial, por meti finon al ĉiuj malkompreniĝoj kaj disputoj, kaj por ke ĉiu esperantisto sciu tute klare, per kio li devas en ĉio sin gvidi, la aŭtoro de Esperanto decidis eldoni nun en formo de unu libro tiujn tri verkojn, kiuj laŭ silenta interkonsento de ĉiuj esperantistoj jam delonge fariĝis fundamento por Esperanto, kaj li petas, ke la okuloj de ĉiuj esperantistoj estu ĉiam turnataj ne al li, sed al *tiu ĉi libro*. Ĝis la tempo, kiam ia por ĉiuj aŭtoritata kaj nedisputebla institucio decidos alie, ĉio, kio troviĝas en tiu ĉi libro, devas esti rigardata kiel deviga por ĉiuj; ĉio, kio estas kontraŭ tiu ĉi libro, devas esti rigardata kiel malbona, se ĝi eĉ apartenus al la plumo de la aŭtoro de Esperanto mem. Nur la supre nomitaj tri verkoj publikigitaj en la libro ***Fundamento de Esperanto***, devas esti rigardataj kiel oficialaj; ĉio alia, kion mi verkis aŭ verkos, konsilas, korektas, aprobas, k. t. p., estas nur verkoj *privataj*, kiujn la esperantistoj - se ili trovas tion ĉi utila por la unueco de nia afero - povas rigardi kiel modela, sed ne kiel *deviga*.

Havante la karakteron de *fundamento*, la tri verkoj represitaj en tiu ĉi libro devas antaŭ ĉio esti *netuŝeblaj*. Tial la legantoj ne miru, ke ili trovos en la nacia traduko de diversaj vortoj en tiu ĉi libro (precipe en la angla parto) tute nekorektite tiujn samajn *erarojn*, kiuj sin trovis en la unua eldono de la *Universala Vortaro*. Mi permesis al mi nur korekti la *preserarojn*; sed se ia vorto estis erare aŭ nelerte *tradukita*, mi ĝin lasis en tiu ĉi libro tute senŝanĝe; ĉar se ni volus plibonigi, tio ĉi jam estus *ŝanĝo*, kiu povus kaŭzi disputojn kaj kiu en verko fundamenta ne povas esti tolerata. *La fundamento devas resti severe netuŝebla eĉ kune kun siaj eraroj*. La *erareco* de la nacia traduko de tiu aŭ alia vorto ne prezentas grandan malfeliĉon, ĉar, komparante la kuntekstan tradukon en la aliaj lingvoj, oni facile trovos la veran sencon de ĉiu vorto; sed senkompare pli grandan danĝeron prezentus la *ŝanĝado* de la traduko de ia vorto, ĉar perdinte la severan netuŝeblecon, la verko perdus sian eksterordinaran necesan karakteron de dogma fundamenteco, kaj, trovante en unu eldono alian tradukon ol en alia, la uzanto ne havos la certecon, ke mi morgaŭ ne faros ian alian ŝanĝon, kaj li perdus sian konfidon kaj apogon. Al ĉiuj, kiuj montros al mi ian nebonan esprimon en la Fundamenta libro, mi respondos trankvile: Jes, ĝi estas eraro, sed ĝi devas resti netuŝebla, ĉar ĝi apartenas al la fundamenta dokumento, en kiu neniu havas la rajton fari ian ŝanĝon.



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

La ***Fundamento de Esperanto*** tute ne devas esti rigardata kiel la plej bona lernolibro kaj vortaro de Esperanto. Ho ne! Kiu volas *perfektiĝi* en Esperanto, al tiu mi rekomendas la diversajn lernolibrojn kaj vortarojn, multe *pli bonajn* kaj *pli vastajn*, kiuj estas eldonitaj de niaj plej kompetentaj amikoj por ĉiu nacio aparte kaj el kiuj la plej gravaj estas eldonitaj tre bone kaj zorgeme, sub mia persona kontrolo kaj kunhelpo. Sed la ***Fundamento de Esperanto*** devas troviĝi en la manoj de ĉiu bona esperantisto kiel konstanta *gvida dokumento*, por ke li bone ellernu kaj per ofta enrigardado konstante memorigadu al si, kio en nia lingvo estas oficiala kaj netuŝebla, por ke li povu ĉiam bone distingi la vortojn kaj regulojn *oficialajn*, kiuj devas troviĝi en ĉiuj lernoverkoj de Esperanto, de la vortoj kaj reguloj rekomendataj *private*, kiuj eble ne al ĉiuj esperantistoj estas konataj aŭ eble ne de ĉiuj estas aprobataj. La ***Fundamento de Esperanto*** devas troviĝi en la manoj de ĉiu esperantisto kiel konstanta *kontrolilo*, kiu gardos lin de deflankiĝado de la vojo de unueco.

Mi diras, ke la fundamento de nia lingvo devas esti absolute netuŝebla, se eĉ ŝajnus al ni, ke tiu aŭ alia punkto estas sendube erara. Tio ĉi povus naski la penson, ke nia lingvo restos ĉiam rigida kaj neniam disvolviĝos... Ho, ne! Malgraŭ la severa netuŝebleco de la fundamento, nia lingvo havos la plenan eblon ne sole konstante riĉiĝadi, sed eĉ konstante *pliboniĝadi* kaj *perfektiĝadi*; la netuŝebleco de la fundamento nur garantios al ni konstante, ke tiu perfektiĝado fariĝados ne per arbitra, interbatala kaj ruiniga *rompado* kaj *ŝanĝado*, ne per nuligado aŭ sentaŭgigado de nia ĝisnuna literaturo, sed per vojo *matura*, senkonfuza kaj sendanĝera. Pli detale mi parolos pri tio ĉi en la Bulonja kongreso; nun mi diros pri tio ĉi nur kelkajn vortojn, por ke mia opinio ne ŝajnu tro paradoksa:

1) *Riĉigadi* la lingvon per novaj vortoj oni povas jam *nun*, per konsiliĝado kun tiuj personoj, kiuj estas rigardataj kiel la plej aŭtoritataj en nia lingvo, kaj zorgante pri tio, ke ĉiuj uzu tiujn vortojn en la sama formo; sed tiuj ĉi vortoj devas esti nur rekomendataj, ne altrudataj; oni devas ilin uzadi nur en la *literaturo*; sed en korespondado kun personoj *nekonataj* estas bone ĉiam peni uzadi nur vortojn el la ***Fundamento*** ĉar nur pri tiaj vortoj ni povas esti certaj, ke nia adresato ilin nepre trovos en sia vortaro. Nur iam poste, kiam la plej granda parto de la novaj vortoj estos jam tute matura, ia aŭtoritata institucio enkondukos ilin en la vortaron *oficialan*, kiel ***Aldonon al la Fundamento***.



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

2) Se ia aŭtoritata centra institucio trovos, ke tiu aŭ alia vorto aŭ regulo de nia lingvo estas tro neoportuna, ĝi ne devos *forigi* aŭ *ŝanĝi* la diritan formon, sed ĝi povos preni formon *novan*, kiun ĝi rekomendos uzadi *paralele* kun la formo malnova. Kun la tempo la formo nova iom post iom elpuŝos la formon malnovan, kiu fariĝos *arĥaismo*, kiel ni tion ĉi vidas en ĉiu natura lingvo. Sed, prezentante parton de la *fundamento*, tiuj ĉi arĥaismoj neniam estos elĵetitaj, sed ĉiam estos presataj en ĉiuj lernolibroj kaj vortaroj samtempe kun la formoj novaj, kaj tiamaniere ni havos la certecon, ke eĉ ĉe la plej granda perfektiĝado la unueco de Esperanto neniam estos rompata kaj neniu verko Esperanta eĉ el la plej frua tempo iam perdos sian valoron kaj kompreneblecon por la estontaj generacioj.

Mi montris en *principo*, kiamaniere la severa netuŝebleco de la *Fundamento* gardos ĉiam la unuecon de nia lingvo, ne malhelpante tamen al la lingvo ne sole riĉiĝadi, sed eĉ konstante *perfektiĝadi*. Sed en la *praktiko* ni (pro kaŭzoj jam multajn fojojn priparolitaj) devas kompreneble esti *tre singardaj* kun ĉia 'perfektiĝado' de la lingvo: a) ni devas tion ĉi fari ne facilanime, sed nur en okazoj de efektiva *neceseco*; b) fari tion ĉi (post matura prijuĝado) povas ne apartaj personoj, sed nur ia centra institucio, kiu havos nedisputeblan aŭtoritatecon por la tuta esperantistaro.

Mi finas do per la jenaj vortoj:

1. pro la unueco de nia afero ĉiu bona esperantisto devas antaŭ ĉio bone koni la *fundamenton* de nia lingvo;

2. la fundamento de nia lingvo devas resti por ĉiam *netuŝebla*;

3. ĝis la tempo kiam aŭtoritata centra institucio decidos *pligrandigi* (neniam *ŝanĝi*!) la ĝisnunan fundamenton per oficialigo de novaj vortoj aŭ reguloj, ĉio bona, kio ne troviĝas en la ***Fundamento de Esperanto***, devas esti rigardata ne kiel deviga, sed nur kiel *rekomendata*.

La ideoj, kiujn mi supre esprimis pri la ***Fundamento de Esperanto***, prezentas dume nur mian *privatan* opinion. Leĝan sankcion ili ricevos nur en tia kazo, se ili estos akceptitaj de la unua internacia kongreso de esperantistoj, al kiu tiu ĉi verko kune kun sia antaŭparolo estos prezentita.

**L. ZAMENHOF**
**Varsovio, Julio 1905**
<http://www.geocities.com/fundamentodeesperanto/antaŭ.htm>



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

## WILIAM AULD:
## BONAN MATENON, MAJSTRO

Bonan matenon, Majstro! Sidiĝu, mi petas.
Kiel vi fartas post tiomjara malvivo?
Trankvile fumu. Nu, vi certe enketas
pri la Movado, kaj l' nuna perspektivo?
Nu, ni laboras. Sed - vi scias — la homoj
estas inertaj, altaj estas la baroj.
Malfavoras l' epoko; militoj, pogromoj
minacas; nin ignoras la registaroj.
Jes, jes, en via tempo, estis simile;
vi tamen ne povas kompreni, kio nin frontas -
atingi l'orelojn estas malfacile,
kaj kiam la homoj mokas nin, ni hontas.
Nu jes, vi multe oferis. Ni mem kelkfoje
donacis kelkan monon, sed ni malriĉas.
Ne pensu, ke ni nenionfaradas survoje!
Al *ata-ita* ni multe da tempo dediĉas!
Mi diris, ke per ignoro stulte obstina
la registaroj aŭskulti nin rifuzas?
Eĉ pli malbone — la registaro ĉina
por siaj propraj celoj la lingvon uzas!
Ni lernis la lingvon, kaj kiam ajn ni kunvenas
ni krokodilas... Kio? Ja nacilingve
babili. Ĉar komencanto ne komprenas,
kiam ni Esperanton parolas svinge.
Nu, Majstro, estis agrable... Ĝis la revido;
ĝojos pro via vizit' la samideanoj.
Vi povas reiri la tombon kun forta fido,
ke via afero troviĝas en bonaj manoj.

*(* 1924)*





PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

# ANABEL 2004

Post du jaroj mi denove dank' al sincera invito de miaj geamikoj Aŭgusto kaj Edith el HALLE havis eblecon partopreni jam la 18-an **Aŭtunan Najbaran Aranĝon kun Borso de Esperanto-Literaturo** ANABEL. Ĝi okazis la *30-an de oktobro 2004*, denove en Fondaĵo de August Hermann FRANCKE en HALLE ĈE SAALE, sed ĉifoje en du belaj grandaj ĉambroj.




Ĉar la partoprenintoj alvenis el kelkaj lokoj (LEPSIKO, HERZBERG AM HARZ), atendis nin matenmanĝo, sed ĉefe varmaj kafo kaj teo. Poste, malgraŭ pluva vetero sekvis trarigardo de la urbo kaj tagmanĝo en la restoracio de la loka radio.

Posttagmeze sub lerta gvido de *Siegfried LINKE* sekvis la programo mem.

Mi parolis pri mia vojaĝo en brazila RIO DE JANEIRO kaj prezentis videobendon pri ĉi ĉarma urbo. Sinjorino Ino KOLBE parolis pri Marie HANKE, la unua germana esperantistino, kaj rekomendis tralegi interesan lingvon de Ralf KUSE pri ŝi kaj Gotthilf SELLIN, nestoroj de E-movado en meklenburga SCHWERIN. Herzberganoj *Peter ZILVAR* kaj *Zsófia KÓRÓDY*, hungarino, kiu laboras en la tiea *Esperanto-Centro*, parolis pri ĝi kaj ĝiaj eblecoj kaj invitis al ties solena malfermo en decembro, kaj memkompreneble, arde invitis partopreni ĝiajn aranĝaĵojn.

Unu el la eksterlandaj gastoj, kiu momente ankaŭ staĝas en ĉi *E-Centro*, litovino *Rita VALČIUKAITÉ*, konata ankaŭ al kelkaj ĵilinaaj esperantistoj, kiel LLK-anino de la venontjara UK invitis al VILNIUSO. Ĉijara ANABEL abundis per eksterlandanoj, ĉar la kvara eksterlanda gasto estis Kaneko YOICHI el japana INATSUKI.

La hejmuloj *Udo BIRKNER*, *Jörg GERSONDE* (redaktoro de *Panoramo-Info*, sciiga letero por la Esperantistaro en Saksio-Anhaltio) kaj *Aŭgusto GROSCH* riĉigis la programon per humuraj skeĉoj pri la scivola najbarino kaj letero de patrino al sia filo. Ne rajtis manki la komuna kantado de fama *Heidenröslein* de W. GOETHE! Al antaŭ du jaroj kantita germana, Esperanta, volapuka kaj slovaka versio aldoniĝis ida, angla kaj rusa versio. Oni poste ŝercis, ke la jubilea 20-a ANABEL konsistos nur el la kantado de ĉi kanto en multaj lingvoj de la mondo.



Sed krom ANABEL mem, kiu denove estis ege interesa kaj kora, miaj amikoj Aŭgusto kaj Udo ekskursis kun mi en la ĉirkaŭaĵo - mi vidis la kunfluon de tri riveroj (sed bedaŭrinde, krom Saale mi nun memoras nek unu el tiuj du malfacilaj germanaj nomoj - Udo, pardonu!) kaj estis en la Landa Historia Muzeo, kie ĵus okazadis eminenta ekspozicio sub la nomo ***La forĝita ĉielo***. Krom la sundroŝko de dana TRUNDHOLM, lue ekspoziciata, ĉefis la ĉieldisko de NEBRA kun suno, luno, steloj, suna ŝipo, du glavoj, hakilo kaj brakringoj, devenanta de antaŭ 3 600 jaroj. La disko montras la suniron sur la ĉielo ekde la tago de la semado ĝis la tago de rikolto. Kiam *Plejadoj* aperis sur la ĉielo, eblis semi, kiam ili perdiĝis, venis tempo de rikolto. La disko mem estis ŝtelfosita, sendita al Svisio, sed dank' al polico poste retrovita kaj redonita al Germanio. Interesegaj estis ankaŭ maketoj de sunobservejo - famaj stonehengaj menhiroj, kompletigita per nova elfosaĵo - simila sunobservejo palisada el GOSECK proksime de HALLE, kiu estis malkovrita el aero en la jaro 2002!

Do, jen, dank' al niaj iamaj TUTA-anoj mi travivis tre agrablajn tagojn. Dankegon al vi, karaj, kaj ĝis denove iam kaj ie en Esperantujo!

**FEJFI**



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

## KAEST: REGULA RENKONTIĜO DE FAKULOJ

Konferenco Aplikoj de Esperanto en Scienco kaj Tekniko kunvenigas ĉiun paran jaron regule fakulojn kaj interesatojn pri terminologio kaj fakaj aplikoj de Esperanto. Ĝi okazis laŭplane en ĉeĥa civitaneco DOBŘICHOVICE de la *12-a ĝis la 14-a de novembro 2004*. La ĉeftemo estis *Fake pri Esperanto*, do precipe pri E-terminologio. La dua sekcio, dum kiu estis fakaj prelegoj el diversaj fakoj, nomiĝis *Esperante pri Sciencoj*.


M. Minich dum sia prelego
Fotis: P. Baláž

La kvardeko de partoprenintoj devenis el Bulgario, Ĉeĥio, Danlando, Francio, Germanio, Hungario, Pollando, Serbio kaj Montenegro kaj Slovakio. Inter tiel eminentaj prelegintoj, kiel estas Detlev BLANKE (Kio estas faklingvo?), Heinz HOFFMAN (Problemo de „nespecifa" speco), Rüdiger SACHS (Parazitismo kaj parazitologio) el Germanio, Jan WERNER (Planlingvo) el Ĉeĥio, Marc BAVANT (Apliko de XML al fakaj laboroj pri Esperanto) el Francio, Ottó HASZPRA el Hungario (La lingvaj kostoj en la Eŭropa Unio), Miroslav MALOVEC el Ĉehio (La Enciklopedio de Esperanto) kaj aliaj, ni povis aŭskulti ankaŭ la prelegon de nia Martin MINICH pri Esperanto@Interreto.

Tre bone estis, ke la aranĝon partoprenis multaj junaj homoj, kiuj unuflanke povas riĉiĝi el spertoj de pli aĝaj fakuloj, sed duaflanke povas transdoni al ili siajn spertojn el uzado de modernaj komunikiloj. El ilia partopreno eĉ povos elflui kuna organizado de sekva KAEST kaj junulara faka aranĝo pri interreto post du jaroj. **FEJFI**

## KONFERENCO DE ĈEĤA ESPERANTO-ASOCIO ĈEA

La konferenco okazis de la 19-a ĝis la 21-a de novembro en ĉarma moravia urbo OLOMOUC. Ĝi estis la deka post la rekonstruo de ĈEA antaŭ 35 jaroj dum ties fondkongreso en BRNO en la jaro 1969.


Kelkaj konferencanoj kun neĝulo
Fotis: M. Filip

Mi havis eblecon partopreni ĝian traktadon dum vendredo, kiam fare de Petro CHRDLE estis prezentitaj lumbildoj kaj paroladoj pri UK en Ĉinio, SAT kaj ILEI kongresoj en BRATISLAVO kaj pri ĵus finiĝinta KAEST en DOBŘICHOVICE. Sabaton antaŭtagmeze la ĈEA-prezidantino Věra PODHRADSKÁ konatigis la ĉeestantojn kun riĉa agado de la asocio. Por mi estis interese aŭdi, ke oni en la kuranta laboro eluzas interreton, aperigante tie eĉ la protokolojn. Pavel POLNICKÝ, la kasisto, dum sia raporto menciis la problemon, ke elinter la 827 pagintaj anoj estas 361 dumvivaj, de kiuj oni ne ricevas monon, sed *Starton*, la asocian organon, kaj aliajn materialojn oni devas al ili sendadi. Lucie KAREŠOVÁ, UEA-delegitino pro patrinaj devoj salutis la konferencon skribe kaj informis pri 27 individuaj membroj. Mi salutis la konferencon nome de SKEF kaj informis la partoprenintojn pri nia agado. La konferencon per sia muzikprezento kaj kantado salutis la infanoj kaj ankaŭ la loka kanthoruso. Posttagmeze okazis trarigardo de la urba centro en kelkaj grupoj kaj aŭskultado pri kaj de unika orgeno kun dekmil da fajfiloj, konstruita de iama bratislavaa orgen-konstruisto. La amuzvesperon kun tombolo eluzis ĉiuj ne nur por dancado, sed ankaŭ por vigla babilado. **FEJFI**



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

## PRINTEMPA KONFERENCO EN ĈEĤIO

Ek de **la 4-a ĝis la 6-a de junio 2004** okazis **Printempa konferenco de la Ĉeĥa landa asocio de IFEF** en ĉeĥa Silezio, en nordmoravia landlima urbo KRNOV.

Partoprenis gastoj el Germanio kaj Slovakio, malgraŭ invitoj ne venis gastoj el la najbara Pollando, kvankam la urbo KRNOV situas proksime de la pola lando kaj estas bone atingebla per la fervoja kaj ŝosea trafikoj.

Partoprenantoj tranoktis en la Junulara hejmo de Faka Mezlernejo por Trafiko kaj Turismo, kie fakte ankaŭ okazis nia konferenco. Interesa por ni estis la fakto, ke sur la konstruaĵo de nia tranoktejo troviĝas memortabuleto anoncanta, ke tie ĉi en la jaroj 1872-1873 loĝis Inĝ. František KŘIŽÍK kaj li ĉi tie proponis sian unuan eltrovon - la elektran fervojsignalilon.

En labora parto de la konferenco gvidata de la vicprezidanto Ladislav LÁNI la prezidanto de FS ĈEA Jindřich TOMÍŠEK tralegis alvenintajn salutleterojn. Sekvis salutvortoj de la eksterlandaj gastoj.

Poste la prezidanto prezentis al la ĉeestantoj raporton pri disvastiĝo kaj nuna stato de FS ĈEA, sed precipe li vaste raportis pri la okazinta 56-a IFEF-kongreso en SOPRON kaj pri partopreno de la ĉeĥa delegacio en programo de la kongreso.

Sabate okazis tuttaga ekskurso.

Unue oni veturis per trajno al TŘEMEŠNÁ VE SLEZSKU, de kie oni pluveturis per sola etŝpura fervoja linio ĝis nun regule trakcianta en la moravia Silezio el TŘEMEŠNÁ VE SLEZSKU al OSOBLAHA.

La etŝpura fervoja linio kun ŝpuro de 760 mm regule trafikas ekde 14.12.1898, do preskaŭ 106 jarojn.

Dum la veturado kun kelkaj haltoj oni estis informitaj pri la fervojo kaj spektis la ĉarman pejzaĝon de tiu ĉi apudlima regiono.

Promenante tra OSOBLAHA sub gvido de Ladislav LÁNI oni vizitis historian centron de la urbeto, restaĵojn de la urbomuregoj kaj judan tombejon kun tombaj monumentoj precipe el la 17-a jarcento.

Post bongusta tagmanĝo oni transiris landlimon por viziti parton de la apudlima pola regiono.

Post reveno vespere okazis la dua parto de la konferenco, dum kiu oni raportis pri agado de la komisionoj kaj kunlaboro kun FISAIC kaj diversaj, precipe fervojaj instancoj.

Oni iniciatis kaj plenumis ilustritan itineron en Esperanto tra la plej granda Fervoja Muzeo de Ĉeĥaj Fervojoj en LUŽNÁ U RAKOVNÍKA, E-resumon de la ilustrita faklibro pri Muzea Ekspoziciejo de Komunikado kaj Sekureca Tekniko de la Ĉeĥaj Fervojoj en orientbohemia HRADEC KRÁLOVÉ.

Kunlabore kun FISAIC - sekcio Filmo kaj Video - oni preparas esperantigon de iliaj kelkaj videofilmoj. La unua estas la videofilmo pri



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

centjariĝo de fervoja linio TÁBOR - BECHYNĚ, por ĉiam kunligita kun la nomo de Inĝ. František KŘIŽÍK. La fervojo kun elektra trakciado estis konstruita kiel la unua de sia speco en la tiama imperio Aŭstrio-Hungarujo. Oni ĉi tie uzis originan sistemon en elektrizado de la fervojo, kiun oni nelonge pli poste uzis ankaŭ en Aŭstrio, Francio, Italio, en Ameriko kaj en aliaj landoj.

Sekve oni projekciis la menciitan videofilmon. Al ĉeestantoj ankaŭ estis projekciita videofilmo kun interesa parto de tuttaga ekskurso je la fervoja linio TÁBOR - BECHYNĚ en Esperanto kaj pri la 53-a IFEF-kongreso 2001, kiu okazis en TÁBOR.

Dimanĉe antaŭtagmeze oni sub gvido de Ladislav LÁNI vizitis historian parton de la urbo KRNOV kaj per tagmanĝo finiĝis la sukcesa konferenco.

**Jindřich TOMÍŠEK**

## 'KVAZAŬE' ONI RAJTAS DIRI ANKAŬ 'VIRTUALE'

TEC, la Terminologia Esperanto-Centro, havas novan kvazaŭan aŭ virtualan sidejon en la interreta mondo: <http://terminologio.org>.

Temas pri nuntempa vesto de la konata kaj fidinda TEC. Se vi havas terminarajn interesojn, se vi laboras pri tio, se vi simple volas trovi fakajn terminarojn, vizitu tiun ejon kaj kunlaboru kun ĝi.

Se vi renkontas problemojn, simple mesaĝu al <luko@terminologio.org>, kaj vi atingos la komisiiton de UEA pri TEC: Lucas YASSUMURA.

**Renato CORSETTI <renato.corsetti@virgilio.it>**
**sendita de Leopold PATEK, Aŭstria Fervojista E-Federacio AFEF**

Nian ĉarman, la plej malgrandan mondan grandmontaron VYSOKÉ TATRY (Altaj Tatroj), kiujn konas ankaŭ niaj eksterlandaj legantoj, atakis vendredon la 19-an de novembro vespera grandventego. Ties rezultoj estas 2,5 km larĝa kaj 50 km longa neniigita tavolo de la arbaro, kelkaj civitanecoj sen elektro kaj kun rompitaj alvenvojoj, du mortintoj kaj unu perdinto, kaj malfunkciigita *Tatroa tram-fervojo*, kiu estis anstataŭigita per busoj. Rezulton de tiu ĉi naturfenomeno vi povas vidi ankaŭ sur la foto - tio, kion vi eble opinias esti falĉita herbejo, estas la kuŝantaj faligitaj arboj... Kaj kvazaŭ ne sufiĉus, aldoniĝis merkredon la 1-an de decembro tertremo kun centro en pola KRAKOVO.



**FEJFI**



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

*Hungaraj kristanoj denove kore invitas vin*
*partopreni komunan kristanan kongreson en sia lando!*

## LA 17-A EKUMENA KONGRESO (58-A DE IKUE KAJ 55-A DE KELI) OKAZOS EN PILISCSABA, HUNGARIO.

**La loko PILISCSABA (prononcu *piliŝĉaba*) situas 25 km-jn nordokcidente de BUDAPEŜTO apud la aŭtovojo 10 kaj ĉe la fervojlinio BUDAPEST-ESZTERGOM. Jam de la pratempoj ĝi estis loĝata. En la bela arbara regiono jam el la mezepoko ni trovas restaĵojn, spurojn de vigla kristana vivo. Pro la agrabla ĉirkaŭaĵo ĝi fariĝis rekonata ripozloko ekde la komenco de la antaŭa jarcento.**

**De dek jaroj tie ekfunkciis rekonata Romkatolika Universitato PÁZMÁNY Péter en interesaj, karakterizaj konstruaĵoj. Ties studenta hejmo estas la bela, moderna *Josephinum*, kie ni kongresos. Luteranoj, reformitoj kaj romkatolikoj ekzemplodone agadas en la komunumo, donante agrablan kristanan atmosferon al la tuta loko. En ĉi tia hejmo ni estos kune en la nomo de nia Sinjoro Jesuo Kristo, kiu tion diras: „Per tio ĉiuj homoj scios, ke vi estas miaj disĉiploj, se vi amos unu la alian." *(S-ta Johano 13, 35)***

**La temo de niaj meditadoj, preĝoj kaj interparoladoj dum la kongreso: Por libereco Kristo nin liberigis *(Galatoj 5, 1)* - la libereco en la Eŭropa Unio.**

**En la programo ni planas mesojn ĉiutage, preĝojn plurfoje tage, prelegojn, komunajn kantadojn, muzikajn vesperojn . Duontagan ekskurson ni faros al la proksima mondfama Kristana Muzeo en ESZTERGOM. Okaze de la tuttaga aŭtobusa ekskurso ni vizitos multajn vidindaĵojn de BUDAPEŜTO.**

**Ni esperas vian partoprenon en tiu kristana kunestado.**

**Aliĝoj al: KASZAB Erzsébet, HU 1117 BUDAPEST, Karinthy Fr. ut. 5**

**Informoj pri la 17-a Ekumena kongreso: perletere: Irén BAGI, HU 1201 BUDAPEST, Baross u. 54/B * rete: <farkas-tatar_eva@externet.hu>**

**Pavol PETRÍK**



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz



## PAPILIO KAJ STELO

**Malgranda nokta papilio de tenera animo enamiĝis en stelon. Li fanfaronis pri tio al sia patrino, sed ŝi konsilis lin prefere enamiĝi en ombrilon sur la lampo.**

**„Vi ne povas amindumi stelojn, sed flugi al lampoj vi povas. Almenaŭ vi povas alteriĝi sur ion. Se vi flugos al steloj, vi nenie ankros", diris la patro.**

**La papilio sekvis la konsilon nek de la patro, nek de la patrino. Ĉiuvespere post la sunsubiro, kiam steloj leviĝadis, li flugis al unu el ili, kaj ĉiumatene dum sunleviĝo li revenadis tute elĉerpita de terura kaj duba peno.**

**Unufoje lia patro diris al li: „Tutajn monatojn, filo mia, vi ne bruligis viajn flugilojn kaj mi timas, ke vi neniam bruligos ilin. Ĉiuj viaj fratoj fandŝrumpigis iliajn ĉirkaŭstratajn lampojn kaj fratinoj faris same sur tablaj lampoj. Iru kaj bruligu la viajn! Tiel forta kaj granda papilio kiel vi, kaj havi nek unu cikatron!"**

**La papilio foriris el la gepatra domo, sed ne iris por flugi ĉirkaŭ la strataj kaj tablaj lampoj. Li daŭrigis siajn provojn atingi la stelon foran milojn da lumaj jaroj. Li pensis, ke ĝi estas haltigita inter la plej altaj branĉoj de lumo.**

**Liaj provadoj ĉiunokte flugi al la stelo faris lin tiel feliĉa, ke li ĝisvivis altan aĝon. Liaj gepatroj kaj gefratoj jam longe mortis. Ĉiuj forbrulis tre junaj.**

**SE ESTAS IA STELO SUR LA ĈIELO DE VIA VIVO,**
**NE PERDU TEMPON PER BRULIGO DE FLUGILOJ SUR LA LAMPO.**

## ŜAFETO

**Kiam la ŝafeto eliris el kreiva Dia mano, ŝi konstatis, ke ŝi estas la plej malforta. Ŝi vivis en konstanta timo, ke minacos ŝin multe pli fortaj kaj agresemaj bestoj. Ŝi ne sciis, kiamaniere defendi sin. Ŝi revenis al la Kreinto kaj parolis pri sia turmento.**

**„Ĉu vi volas ion, per kio vi defendos vin?", demandis afable Dio.**

**„Jes."**



**„Ĉu vi deziras havi paron da akraj dentoj?"**

**La ŝafeto neis per la kapo: „Kiamaniere mi povus maĉi mallongan herbon? Kaj pli, mi aspektus kiel furiozulo."**

**„Ĉu vi volus fortajn ungegojn?"**

**„Ne, ne. Mi povus misuzi ilin."**

**„Do, vi povus elŝpruci venenajn salivojn", daŭrigis pacienca Dio.**

**„Neniukaze. Ĉiuj malamus min kiel serpenton kaj forpelus min de ĉie."**

**„Poste, fortaj kornoj estus utilaj."**

**„Ne, kiu karesus min?"**

**„Sed por protekti vin vi bezonas ion, per kio vi povus forpuŝi kaj vundigi la atakanton."**

**„Vundigi? Ne, tion mi ne povas. Tiamaniere mi restos kia mi estas."**

**Kiu forgesis, ke ni, homoj estas iusence kiel malgrandaj bestoj kaj havas nek pelton nek akrajn dentojn por protekti sin. Tio, kio protektas nin, ne estas malboneco, sed homeco - kapablo ami aliajn kaj akcepti ilian amon, kiun ili ofertas al ni.**

**Nokte ne varmigas nin nia krueleco, sed tenereco, per kiu aliaj volas varmigi nin. La vera homa forto estas tenereco.**

Laŭ la rakontoj de **Bruno FERERO**
esperantigis **Jarmila RECHTORISOVÁ**



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

*HISTORIO - REMEMORE PRI LA UNIVERSALAJ KONGRESOJ DE UEA*

## SOLA EL ĈEĤOSLOVAKIO

La universalaj kongresoj de UEA estas ne nur pintaj aranĝoj de la esperantistaro, sed ege ofte ankaŭ la plej gravaj tiujaraj memorindaĵoj de pluraj kongresintoj.

S-ro **Florián KRAJNÍK** el TREBIŠOV, iama membro kaj fakdelegito de UEA, estas nun 74-jara. Li estis la sola ĉeĥoslovakia partoprenanto de la 62-a UK en REJKJAVIKO. Kelkajn siajn travivaĵojn el tiu neforgesebla jaro 1977 li nun dividas kun ni.



Islando estas por ni ekzotika, altira lando. Certe multaj ŝatintus viziti ĝin, sed aŭ pro financaj aŭ pro aliaj kaŭzoj ne povis atingi ĝin. Kiel vi sukcesis venki la obstaklojn?

Mi skribis leteron al Dana E-Asocio. Dank' al ĝi mi fariĝis membro de DEA kaj tiel mi ricevis tre grandan rabaton por la flugbileto KOPENHAGO-REJKJAVIKO. Dum la UK gastigis min s-ro Torfi OLAFSSON.

Ĉu la UK estis granda?

Ĉeestis ĝin proksimume 1 200 partoprenantoj el 40 landoj. Inter la oficialaj gastoj estis Amadou MAHTAR M'BOW, la tiama ĝenerala direktoro de UNESCO (li havis franclingvan paroladon), kaj ankaŭ la ambasadoro de Ĉeĥoslovakio.

Kio estis la tiama kongresa temo?

*La rajto de komunikado*. Enkondukis ĝin la tiutempa ambasadoro de Aŭstralio ĉe UN Ralph HARRY.

Ĉu vi kontentis pri la kultura programo dum la kongreso?



Ĝi estis ege riĉenhava! Mi menciu ekzemple la pupteatron de luksemburgano TRIKSINI, la aktoradon de bulgaroj (DAMJANOV, ANGELOVA), kantadon de la svisa TZAUT. Vere brila estis la islanda vespero. Belege kantis la ĥoro *Hljomeyki*. Ĝi prezentis inter alie speciale por la kongreso komponitan kanton de Islanda komponisto KRISTENSSON, kiu persone ĉeestis la aranĝon. Memorindaj estis ankaŭ la islandaj lukto *glima* kaj la nacia kostumo *fjallkona*. Neforgesebla estis la teatra prezento de *Inuk* pri la kulturo de inuitoj.

Mi certas, ke fortajn impresojn faris sur vin krom la esperantaĵoj ankaŭ la unika islanda naturo.

Mi partoprenis ekskursojn al la urbo REJKJAVIKO, al la sudokcidenta parto de la insulo, sed certe la plej bela estis la dekhora vizito al THINGVELLIR, GEYSIR kaj GULFOSS! Jen kelkaj fotoj pri tio, kion mi vidis. Estis neforgeseble.

*Ĉu ankaŭ vi volonte rememoras pri viaj kongresaj travivaĵoj de antaŭ dekoj da jaroj? Se vi havas interesan spertitaĵon, bonvolu skribi pri ĝi al ni. Ne forgesu aldoni belan foton.*

**Katarína STEELE**



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

## LA PREMIO „ADA SIKORSKA” UNUAFOJE ALJUĜITA

En SALOU (Katalunio, Hispanio) la 4-an de oktobro 2004 estis unuafoje asignita la internacia Premio *Ada SIKORSKA FIGHIERA*. Ĝin ricevis **Aŭgusto CASQUERO** el VALENCIO pro la plurjardeka sindediĉa agado por Esperanto en diversaj landoj kiel kurs-gvidanto, preleganto, organizanto de multaj naciaj kaj internaciaj kongresoj.

La transdono okazis en la kadro de la 12-a Internacia E-Semajno de Kulturo kaj Turismo, malfermita de loka urbestro. Cento da esperantistoj el ses landoj partoprenis en la Semajnaj programoj (prelegoj, debatoj kaj ekskursoj). La venonta ĉiujara premio, dediĉita je la memoro de Ada, kiu dum 35 jaroj redaktis kaj eldonis la tiam sendependan *Heroldo de Esperanto,-* estos asignita en aŭtuno 2005.

*Koran gratulon al Aŭgusto,*
*la ofta vizitinto de iama Poprada E-centro,*
*konata ankaŭ al niaj esperantistoj!*

**Giancarlo FIGHIERA**

## SUKCESA EKSPOZICIO EN VALTICE

En Nacia Agrikultura Muzeo (sekcio ĝardenista kaj vivmedia) en VALTICE, kie direktoras samideano Jaroslav POKORNÝ, estis sabate la 7-an de aŭgusto 2004 solene inaŭgurita ekspozicio *Esperanto - lingvo de amikeco kaj kunlaboro*. La solenan inaŭguron partoprenis 42 homoj, reprezentantoj de la urbodomo, ĈEA, Ĉeĥa landa asocio de IFEF kaj FISAIC ČD kaj interesuloj pri Esperanto kiel internacia lingvo. Post enkondukaj vortoj pri Esperanto la partoprenantoj estis invititaj al malgranda manĝeto kaj al trinketo de bongustaj lokaj vinoj, sed ĉefe al la ekspozicio mem. Ĝi troviĝis en unu granda ĉambro kun vitritaj ŝrankoj en la mezo, en kiuj estis prezentitaj precipe esperantlingvaj libroj kaj lernolibroj. Ĉe la muroj staris tabletoj kun supraj vitrotabuloj, sub kiuj estis videblaj ekzemple libroj de ZAMENHOF, E-poŝtmarkoj, glumarkoj, insignoj, k. s. Ankaŭ la muroj mem estis plenaj da informoj pri la lingvo kaj ĝia uzado, disvastigado. La lasta tabelo estis dediĉita al informoj pri konfronto de la angla kaj Esperanto. Ĉe unu el la tabloj la vitro mankis, sekve la vizitantoj povis elpreni la enmetitajn materialojn kaj foliumi en ili. La ĉefaj helpantoj per ekspoziciataj materialoj estis ĈEA, Ĉeĥa LA de IFEF kaj ĉeĥa lingvisto kaj esperantologo Inĝ. Jan WERNER.

La ekspozicio en Nacia Agrikultura Muzeo en VALTICE restis dispone al publiko ĝis fino de aŭgusto kaj vizitis ĝin kelkcent vizitantoj, inter ili ankaŭ eksterlandaj - unu eĉ el Aŭstralio.

**Jindřich TOMÍŠEK**

## EL LA ĈEA-RETKOMUNIKO

### *Alvoko al la organizantoj de E-aranĝoj*

Ni petas ĉiujn organizantojn de aranĝoj en Ĉeĥio (aŭ proksimaj regionoj de najbaraj landoj) sendi koncizajn informojn konsistantajn de dato, nomo de la aranĝo, loko kaj kontaktadreso (prefere reta) al <*chrdle@kava-pech.cz*>, ke ili povu esti envicigitaj en venontajn retkomunikojn, kiujn ni supozas dissendi iam fine de februaro.



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

*Liptova Esperanto-klubo invitas vin al la*

## 23-A ASCENDO SUR MONTOPINTON Poludnica

*kaj renkontiĝo de vojaĝantoj,*

kiu okazos de la 7-a ĝis la 9-a de januaro 2005

en civito LIPTOVSKÝ JÁN

**Ĉefa slogano:** NEŬTRALA LINGVO - kiel servo de turismo kaj vojaĝado en landoj V-4

**Programo:**

- *la 7-an de januaro* (vendredo): alveno de la partoprenantoj ĝis la 17-a horo * vespermanĝo * prelegoj * pesado de ŝtonoj;
- *la 8-an de januaro* (sabato): malkovro de nova vojeto * supreniro al montopinton POLUDNICA (konstruado de Esperanto-obo) * banado en termala baseno, saŭnado * rezultoj de la projekto 12/12 * prelegoj pri vojaĝadoj kaj pri E-aranĝoj;
- *la 9-an de januaro* (dimanĉo): ekskurso (paŝe aŭ skie) al fontoj en JÁNSKA-valo.

**Loĝado** en hotelo *Poludnica* kaj pensiono *U Grečnera* kostas por unu nokto kaj persono 250 Sk. Bonvolu rezervi loĝadon telefone ĝis la 25-a de decembro 2004. **Manĝadon** oni povas mendi en la hotelo *Poludnica* aŭ uzi proprajn provizojn.

**Trafiko**: per trajno al urbo LIPTOVSKÝ MIKULÁŠ kaj de tie per aŭtobuso al LIPTOVSKÝ JÁN (por interesuloj ni sendos horaron).

**Rabatoj:** por prelegantoj senpaga loĝado * por partoprenantoj, kiuj dum dudek du jaroj de ascendoj partoprenis pli ol dekfoje, senpaga loĝado; por partoprenantoj, kiuj partoprenis de kvin- ĝis naŭfoje 10 %-ta rabato * por partoprenanto kun la plej peza ŝtono alportita sur montopinton senpaga loĝado * por la plej juna kaj la plej maljuna suprenirantoj senpaga loĝado * por fotografisto, kiu ekspozicios minimume kvin fotografaĵojn el Esperanto-medio (minimuma grandeco 21x15 cm) 10 %-ta rabato.

**Prelegoj:**

- *A. El avinja skatoleto*: 1. Ján VAJS: Mezslovakiaj renkontiĝoj
- *B. Esperantisto-vojaĝanto:* 2. Stanislaw MANDRAK: Kun Esperanto en Ĉinio
- *C. Vojaĝoj en la jaro 2003:* 3. Miroslav VALÁŠEK: Sukcena vojo - la unua parto (de ŽILINA al VARSOVIO); 4. Iveta MORGOŠOVÁ: TRIGLAV; 5. Braňo ŠTEFÁNIK: Irano - detruado de antaŭjuĝoj; 6. Ján VAJS: Dekdu monatoj - dekdu montopintoj; 7. Magdaléna FEIFIČOVÁ: RIO DE JANEIRO; 8. Petr CHRDLE: Longdistancaj marŝoj en Japanio kaj Koreio; 9. Peter BALÁŽ: Veturado al rusia IJK.
- *D. Praktika vojaĝado:* 10. Peter BALÁŽ: Kio estas Pasporta servo? 11. Ján VAJS: Kiel transporti biciklojn en trajno? 12. Magdaléna FEIFIČOVÁ: Kiamaniere uzi kilometran bankon?

**Novaj projektoj:**

- 1. Miroslav VALÁŠEK: Sukcena vojo - la dua parto; 2. Peter BALÁŽ: IJK en ZAKOPANÉ 2005; 3. Vladimír ŠKUTA: UK en Litovio.

**Informoj: J. VAJS** - 0903/588 102, <janvajs@pobox.sk>, <vajs@sppk.sk>



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

**Interesuloj pri la venontjara**
vilniusa universala kongreso **bv. anonci sin**
ĉe la retadreso de Juraj GONDŽÚR **<gondzur@urap.sk>**
aŭ skribe ĉe
**M. FEIFIČOVÁ, A. Bernoláka 25/5, 010 01 ŽILINA.**



H I H I H

*Jalto printempe estas io eksterordinara.*
*Vekiĝanta montaro, verdiĝanta arbaro, freŝaj herboj, aromoj de floroj kaj senlima blua Nigra maro.*
*Muĝo de ondoj, forkurantaj al horizonto,*
*varmaj ŝtonoj kaj printempa karesa suno, varmiganta animon kaj koron.*
*Jalto printempe estas la renkontiĝo de geamikoj, kiujn kunligas komuna lingvo,*
*similaj interesoj kaj frateca etoso.*
*Jalto printempe estas paradizo sur Tero, kiu vizitendas, almenaŭ unufoje dum la vivo.*

## LA 17-A E-FESTIVALO *AROMA JALTO 2005*

**Loko:** KRIMEO, Jalto - la plej populara kaj fama kuracloko de Ukrainio.

**Tempo:** 30.04 - 09.05.2005.

**Loĝado:** en 2-litaj ĉambroj kun lavabo, necesejo kaj duŝejo, kontraŭ 6 eŭroj diurne. En 3-litaj ĉambroj kun lavabo, necesejo kaj duŝejo, kontraŭ 5 eŭroj diurne. En 4-litaj ĉambroj kun lavabo kaj necesejo, kontraŭ 4 eŭroj diurne. En 5-litaj ĉambroj sen luksaĵoj kontraŭ 3 eŭroj diurne. Loĝado ne estas ebla sen nutrado.

**Nutrado:** en la sama ripozejo, kontraŭ 3,5 eŭroj 3-foja.

**Programo:** Seminarioj por Esperanto-instruantoj; seminario de INTERKULTURO; lingvaj diversgradaj kursoj; Universitato; lingva prezentado; ekskursoj, piedmarŝoj; koncertoj; KGS; ludoj…

**Lingva ordo:** tradicie severa. Nulaj komencantoj ne estas akceptataj. Dum la registrado Vi devas respondi al simplaj demandoj.

**Aliĝkotizo en eŭroj:** aliĝkategorio ĝis la 1-a de marto 2005/surloke: UkrEA-membroj 4/6; Ekssovetio, inkluzive ukrainanoj 6/10; B-landoj: 10/15; A-landoj: 15/30. Kontribuantoj al la programo havas rabaton laŭ interkonsento.

**La aliĝilon kaj aliĝkotizon** bonvolu sendi al Volodimir HORDIJENKO ĝis la 1-a de marto 2005 al la **adreso:** p.k. 35, KIJIV-133, UA-01133, Ukrainio. Telefono: (044)295-1701. Retpoŝto: <volodimir_h@ukr.net>. Retpaĝo: <www.aromajalta.by.ru>.

Bonvenon, E-parolantoj!

H I H I H



**NE FORGESU** REABONI **ESPERANTISTON SLOVAKA!**

**Pri la abonkondiĉoj kaj ĝisnunaj abonintoj legu en la dua paĝo de la bulteno!**



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

## EDUARD KUKAN: ESPERANTO CERTE NE!



Tiamaniere respondis ministro por eksterlandaj aferoj de Slovaka Respubliko dum plenkunsido de nacia konvento la 8-an de novembro 2004 en BRATISLAVO. Reprezentanto de junaj naturprotektantoj demandis gvidantojn de la nacia konvento kiamaniere Eŭropa unio solvos lingvan problemon post sia plilarĝiĝo, kiam EU jam havas 20 oficialajn lingvojn kaj duono el ĉiuj oficistoj en BRUSELO estas tradukistoj kaj granda sumo de EU-financoj fluas al tradukado. Krom historia respondo „ESPERANTO CERTE NE!" la ministro por eksterlandaj aferoj eldiris ankaŭ aliajn pensojn, kiuj ne estas diplomataj. Laŭ la ministro ni devas teni oficialan sloganon de Eŭropa unio *Unueco en diverseco* kaj ankoraŭ ne maturiĝis la tempo por solvo de lingvaj problemoj. Ni ne povas kompari neŭtralan lingvon kun eŭro. Eŭro estas alia aĵo. Ĉiuj vortoj de la ministro atestas, ke li ne havas sufiĉan kvanton da signifikaj informoj kaj ne vidas, kion faras la angla lingvo en EU.

Eŭrokomisaro Ján FIGEĽ, kiu zorgas pri lingvaj problemoj en sia agendo, respondis, ke lingvoj en EU estas granda problemo, sed niaj naciaj lingvoj, kulturo kaj nia identeco estas nia heredaĵo. Lingvoj de EU devas esti uzeblaj plue kaj ne povas anstataŭiĝi per alia komuna lingvo. Laŭ li lingva komunikado kostos nur du eŭrojn je unu loĝanto de EU kaj tiom kostas unu kafo en BRUSELO. Tiuj vortoj signifas, ke la komisaro paŝas sur spuroj de lia antaŭulo Neil KINNOCK, kiu ofte diris tiuspecajn misfaktojn.

Enkadre de Nacia konvento laboras ankaŭ laborgrupo 9 pri lingvaj problemoj. Kunprezidantoj de la laborgrupo estas Jozef REINVART el Ministerio por eksterlandaj aferoj de SR kaj Juraj DOLNÍK, katedro-estro de Komenia Universitato. En la laborgrupo estis serioze traktataj lingvaj problemoj kaj estas pozitivaj reagoj al uzo de neŭtrala lingvo. Pri konkludoj de la laborgrupo informis dum la dua parto de la plenkunsido Jozef REINVART. En lia raporto estas faka kaj serioza analizo, kiu klare pritraktas la plej gravajn lingvajn problemojn en EU. Bedaŭrinde, multaj politikistoj, kiuj partoprenis komencon de la konvento, tuj post paŭzo foriris kaj ne povis aŭskulti, kion parolas pri lingvaj problemoj la fakuloj.

Estus bone, se esperantistoj, kiuj serioze interesiĝas pri lingvaj problemoj en EU, skribos siajn demandojn al Eduard KUKAN kaj Ján FIGEĽ.

Jen la adreso: Eduard KUKAN, minister zahraničných veci Slovenskej republiky, Ministerstvo zahraničných vecí, Hlboká 2, 833 36 BRATISLAVA 37, SR, tel.: 00421/2 /5978-3001 (3002), fakso: 00421/2/5978-3009.

**Ján VAJS**



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

**Kun celo praktiki Esperanton deziras korespondi tutmonde:**

Paed Dr. Marie DADÁKOVÁ
CZ 753 63 STŘÍTEŽ NAD LUDINOU 39
Ĉeĥa respubliko.



H I H I H

@ Saluton, Fejfiĉka!

Mi tre ĝojis ricevi vian sendaĵon de ES-j kaj aparte ĝojis legi ilin. Mi multon eksciis pri la hejmaj aferoj. Kontentigas, ke multo okazis kaj ke la homoj eĉ raportis pri tio! Bona ideo mencii la aranĝojn ne nur slovakiajn, sed ankaŭ de la najbaroj. La papiliaĵoj daŭre incitas - mi ŝatus scii, kiu li estas... Foje ĝenas la kvalito de fotoj - sed mi scias, ke ne de vi dependas. Eble la grupajn fotojn faru pli grandaj, por ke la personoj rekoneblu. Dankon pro ĉio!

**Katja STEELE**

Kara Fejfi, fine atingas Katja'n du numeroj de ES. Mi ne legis ĉion, sed tio, kion mi legis, estas bonnivela - supera al multaj naciaj organoj. Kiam mi diris tion, Katja petis min ripeti la gratulon al vi. Kion mi nun faras.

Ni iom post iom meblas kaj faras nian apartamenton inda je loĝado. Sendube tio pli gravas al Katja ol mi, ĉar nu, mi estas viro, ŝi ino... sed ankaŭ min kontentigas krei nesteton el senmeblaj ĉambroj.

Kaj nun venos la vera defio: trovi laboron en lando, kie elspezoj estas altaj kaj la materia vivnivelo same alta - se oni havas laboron. Ni fidas, ke ni sukcesos ankaŭ en tio.

**Kore vin salutas Trevor STEELE** ?

H I H I H



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz



**La redakcio dankas
al siaj kontribuantoj
por riĉenhavaj
senditaĵoj, al legantoj
de nia *ESPERANTISTO
SLOVAKA* por ilia fideleco
kaj al vi ĉiuj deziras
agrablan travivon
de kristnaskaj tagoj
en paco kaj amo.
En la novan jaron 2005
elpaŝu en plena sano
kuraĝe kaj elegante
'per dekstra kruro'!**



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

**...DE DUKO PRI** ***KURACILO POR BELECO***

- Sinjoro kuracisto, kiu gimnastiko estas la plej bona por maldikiĝo?
- Turni per kapo dekstren kaj maldekstren!
- Kaj kiom da fojoj?
- Ĉiam, ... (fino en la vortkrucenigmo)

| | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| A | | | | | | | | | | | | |
| B | | | | | | | | | | | | |
| C | | | | | | | | | | | | |
| D | | | | | | | | | | | | |
| E | | | | | | | | | | | | |
| F | | | | | | | | | | | | |
| G | | | | | | | | | | | | |

HORIZONTALE: A. Rompi dormon – *la unua parto de la kaŝfrazo*. B. Japana havenurbo – baza numeralo – azia ŝtat', iama Persujo. C. Alia nom' de Ĝeneva lago – ricevadi ion laŭ kontrakto, ez. gazeton – inklini al io, iu. D. Kemie fermio – *la dua parto de la kaŝfrazo* – finaĵo de la prezenco. E. Ronda disk' turniĝanta ĉirkaŭ akso – alĝeria havenurb'– metropolo de Suda Jemeno. F. Ne natura – kemie deŭterio kaj neono – japana tradicia vest'. G. *La tria parto de la kaŝfrazo* – rilatas al tuto de la ceremonioj, kiuj karakterizas unu religion.

VERTIKALE: 1. Metal' uzata i. a. en ardolampoj. 2. Literatura verk', en kiu la aŭtoro ne intencas funde pritrakti sian temon – rilatas al vasta etendaĵo da sala akvo. 3. Terpec', sur kiu oni kulturas grajnojn, plantojn – aŭtosimbolo de Germanio kaj Tunizio. 4. Mitologia fluganto – kvant' da jaroj de naskiĝo. 5. Estigi aŭdeblan aervibradon /rad./ – rilatas al maniero, en kiu la objektoj sekvas unu la alian. 6. Tre malgranda – karesnom' de „patrino". 7. Ligneca planto havanta pli-malpli altan trunkon – scienca prefikso „nov-". 8. Urb' en Francio – ruĝa ŝvelaĵet' sur la haŭto. 9. Pronomo de la dua persono en pluralo – mal' de zenito. 10. Move, ne halte – disĵeti grajnojn sur teron. 11. Longe estinta – mallonga memoriga enskrib'. 12. Muzike unuvoĉa.

Helpo: LEMAN, ESE, NEO

H I H I H

La ĝusta solvo de la gramatikaj ludoj el la pasinta numero de Esperantisto Slovaka estis la vortoj: floto * aktoro (oratoro, sinjoro) * lampiro * gripo * apostrofo * butero * adoro * butono (mentono) * banano * letero * rano (por kanibaloj japano) * dukato * doloro (laboro) * diamanto * pano * konjako * floro * akvario * vetero (letero) * ekskurso * petroselo * barbo * najlo * cinamo * domaĝo * kankro * malario * bobenon * fenestro * katafalko.

*Bedaŭrinde, neniu sendis ĝustan respondon, nur anoj de EK en ŽILINA dum sia kluba renkontiĝo cerbumis super la demandoj, sed ne plene kun ĝustaj solvoj...*

H I H I H



PDF vytvořeno zkušební verzí pdfFactory www.fineprint.cz

